# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj: **Eldono A (Propagando), Eldono B (Literaturo).** — **Abonprezo por jaro:** por Germanujo 2,— Sm, (por eksterlando 2,250 Sm). Unu eldono aparte: 1,— Sm (1,125 Sm). — Provabono por kalendara kvaronjaro 0,250 Sm (0,300 Sm) por unu eldono.
**Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo.



Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben **Ausgabe A (Propaganda), Ausgabe B (Literatur).** — **Bezugspreis für ein Jahr:** für Deutschland 4,— M., (für das Ausland 4.50 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2,— M. (2,25 M.). — Probeabonnement für ein Kalenderquartal 0.50 M. (0.60 M.) für jede Ausgabe.
**Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Redaktoro: Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46**

Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.

**9a Jaro No. 11 A** | **Eldonejo kaj Redakcio: Dresden-A. 1, Struvestr. 40** | **Novembro 1912**



## Kulturmalsaĝaĵoj*).

### Glosoj al la mondlingva movado.

De D-ro Ernst Kliemke.

Estas mirinde, kiom la homoj progresis. Tamen la homaro estas ankoraŭ tre malproksime de la supro de la kulturo; ĝi atingis apenaŭ la unuajn antaŭaltaĵojn. Se oni konsideras la multajn centmilojn da jaroj, dum kiuj ĝi jam supreniĝis, tio ne estas multa, sed tamen pli ol oni povus supozi, se estus vere, ke kontraŭ malsaĝeco eĉ dioj vane batalas. La evoluemo de la homoj ja estas ankoraŭ pli forta, oni povas ĝin malakceli, sed neniam tute subigi.

Portantoj de la evoluo estas ĉiam nur malmultaj, la plimulto kontraŭlaboras ilin jam pro tio, ke ĝi pro kutimo kaj inerteco konservas la malnovon. La progreso estas ebla nur tial, ke la malnovo restas vere kutima ĉiam nur al unu aŭ malmultaj generacioj, dum la evoluemo efikas tra ĉiuj generacioj kaj iom post iom alportas la kutimiĝon al la novo.

* * *

Nenio estas tiel malgrava, ke ne tutaj popoloj, ne nur unuopaj homoj, sange kontraŭbatalus sin pro ĝi.

La koncilo de Niceo ne estis la unua, la Vatikana ne estos estinta la lasta kunveno, kie seriozaj, respektindaj kaj saĝaj viroj kredis savi la kulturon de la tero kaj la feliĉegon de la homoj, batalante pro „Jota“ (bagatelo).

Ankaŭ saĝeco kaj prudento ne estas io absoluta; ili estas dependaj de tempo kaj kutimo. Koncerne la tempon, la homoj estas samtempuloj nur laŭ la kalendaro, laŭ la cetero ĉiu vivas en la tempo, kiun li komprenas.

La homoj estas malsamaj, kaj pli multaj el ili vivas en la estinteco ol en la estonteco; nur tiu povas plene kompreni la estantecon, kiu iom antaŭiris ĝin.

* * *

La malsaĝulo saĝiĝas eĉ ne per propra domaĝo, la ŝaĝulo jam per fremda. Ekzistas homoj, kiuj atingis aĝon de kvindek jaroj kaj ankoraŭ ĉiam kredas, ke ili ne povas erari, — nur la alia estas ĉiam malprava. Aliaj almenaŭ konsentas pri la ebleco de eraro, eĉ se ili unue ankoraŭ estas konvinkitaj pri sia praveco. Ili trovas sur ĉiu folio de la kulturhistorio la eldiron de la episkopo Remigius: Forbruligu, kion vi adoris kaj adoru, kion vi forbruligis.

De centoj da jaroj, de Leibniz ĝis Nietzsche, saĝaj viroj pensis al la ebleco, forigi la malutilaĵojn de la multlingveco de la popoloj per artefarita ĝenerala lingvo interrilata, apud la ĝepatra lingvo. Kiam oni fine sukcesis, trovi en Esperanto tian lingvon, sufiĉantan por ĉiuj prudentaj postuloj, la plimulto de la samtempuloj asertas, ke Esperanto estas maleblaĵo. Kaj de 20 jaroj centmiloj da homoj interparolas en tiu ĉi lingvo, skribas leterojn, librojn kaj gazetojn en ĝi sur la tuta terglobo. Estas strange, kiel

*) Kun afabla permeso de l'aŭtoro tradukita el *„Der Vortrupp“*. (Vidu n-ron 10 A, p. 152).

konvinkita oni povas esti pri imagita maleblaĵo, se oni ne volas konvinkiĝi pri la pruvita ebleco per propra pririgardo.

* * *

Sed pli malbonaj ol la malamikoj de novaĵoj estas kelkaj amikoj. La plej malbonaj estas tiuj, kiuj volas havi aŭ ĉion per unu fojo aŭ nenion.

La idistoj prave diras: Ne en la kreado de helpa lingvo sidas la ĉefa malfacilaĵo, sed en ĝia ĝenerala enkonduko. Sed samtempe ili postulas jam nun, antaŭ ol la ideo pri helpa lingvo ĝenerale enradikiĝis, plibonigojn de Esperanto, kiu estas aprobita kiel la sole praktika, nerefuteble elprovita solvo de la problemo. Neniu prudenta esperantisto asertas, ke la lingvo en ĝia nuna formo estas neŝanĝebla, neniam plibonigebla ideala formitaĵo. Ĉio homa estas neperfekta kaj submetita al ŝanĝoj. Sed ni havus ankoraŭ hodiaŭ neniun fervojon, se oni estus atendinta pri ĝia enkonduko, ĝis kiam estus plenumitaj ĉiuj deziroj, kiujn havis iu teknikisto, iu ekonomo, iu vojaĝisto. Neniu entrepreno povus esti efektivigata, neniu artaĵo esti kreata, neniu ŝtato esti regata, ja, neniu homo povus vivi, se ĉiam la deziroj de ĉiuj devus esti konsiderataj. Kiel estus eble, konstrui eĉ lingvon, uzeblan por ĉiuj popoloj, kiel estus eble, enkonduki ĝin ĉe ĉiuj popoloj, se ne nur ĉiu popolo, sed ĉiu profesoro dezirus ĝin havi laŭ sia gusto!

* * *

La sangoplena suferovojo de la kulturo montras, kiom malfacile estas, akceptiĝi ĉe la homaro grandan ideon, kiu en la vivon alportas progreson por la bono de ĉiuj. La homoj malamas siajn bonfarantojn. Ekzistas tro multe da malsaĝaĵoj, kiujn ili blinde akceptas, ol ke ili havus tempon, mediti pri saĝaĵo. Nova modo el Paris, eĉ se ĝi estas tute malbela, akiras en mallonga tempo la tutan „kultur"mondon. Kiel gajnite, tiel perdite. Ju pli valora io estas, ju pli daŭra la bono, kiun ĝi alportas, des pli malfacile ĝi sukcesas. Tial ŝajnas esti mirindaĵo, kion Esperanto atingis en la 25 jaroj de sia ekzistado. En ĉiu kulturpopolo ĝi trovis entuziasmigitajn anojn, tiom libera ĝi estas de specialaĵoj, kiuj povus fari al iu popolo, mi tute ne volas diri nevenkeblajn malfacilaĵojn, sed eĉ nur speciale maloportunan penon. En la Universala Esperanto-Asocio ĝi havas organizaĵon, kiu ĉirkaŭas la tutan teron, en 60 landoj ĝi havas en pli ol 1500 lokoj reprezentantojn, kiuj estas kunigitaj en preskaŭ 2000 grupoj, kaj ĝi havas gazetaron de ĉirkaŭ cent Esperantaj gazetoj kaj jurnaloj, kies enhavo pritraktas ĉiujn aferojn de la homa vivo.

Ĉi tiu sukceso estas atingita tute silente, sen ŝtata helpo, sen subteno per riĉaj monrimedoj, kontraŭ amasego da antaŭjuĝoj kaj malkomprenoj, kaj kontraŭ la grandega potenco de la ĉiutaga gazetaro, kiu ĝis la plej nova tempo kun malofta unuanimeco malakceptis la Esperantomovadon aŭ plene silentis pri ĝi.

* * *

Ĉu oni serioze kredas, ke en tia grava afero de la homaro la helplingva ideo povus tiom sukcesi, se ĝi ne respondus al pli kaj pli urĝa bezono, se ĝi ne laŭ ĉiu rilato estus taŭga, kontentigi ĉi tiun bezonon, kaj se ĝiaj pioniroj spite de ĉiuj personaj interesoj ne estus kune agintaj en harmonia unuanimeco? Ĉiuj ekkonis, ke agiĝis pri granda valoraĵo; tial estis necese, unue konvinkigi la homaron pri la ideo, tial estis necese montri, ke io estas necesa kaj ebla, kio al multaj ŝajnis malebla aŭ neutila. Ĉi tiu tasko estis kaj estas plenumebla nur — ĉar bedaŭrinde ankoraŭ ne ĉiuj rezistoj estas venkitaj en ĉi tiu ĉefa punkto —, se oni pri la afero mem interkonsentis.

Ĉiu lingvo estas bazita sur interkonsento. Ĉe la lingvoj havantaj aĝon de jarcentoj, oni estas devigata per la vivo de la lingvo kaj per ĝia historio, resti fidela al la interkonsento. La aliiĝoj okazas iom post iom laŭ tio, ke tie ĉi kaj tie, per ĉiam pli disvastiĝanta uzado, nova interkonsento estas metata en la lokon de la malnova. Sed kiel povus lingvo, kiu ankoraŭ ne havas historion kaj vivon, fariĝi reala lingvo, se oni ĝin ŝanĝus de tago al tago?

La kontraŭuloj de tielnomata artefarita lingvo estas pravaj, dirante, ke neniu homo sola povas krei lingvon. Kompreneble ne. Ĉar li nur povas elpensi sistemon kaj ne krei la interkonsenton, kiu ja unue vivigas la lingvon. Sed kiam ĉi tiu nur ekzistas en sufiĉe granda rondo kaj estas fidele sekvata, ĝis kiam ĝi estos ĝenerale akceptita, tiam oni ne plu povas paroli pri artefarita lingvo. Per la uzado ĝi fariĝis vivanta lingvo, kiu nur havas iom alian historion ol la tielnomataj naturaj lingvoj, kiuj ja ankaŭ ne elkreskis kiel la arboj, sed kiuj estas kreaĵoj de la homa spirito, kreaĵoj de silenta interkonsento.

* * *

Estas nun kelkaj grandaj scienculoj, sed malgrandaj praktikuloj, kaj diras: „Esperanto estas al ni ne sufiĉe perfekta." Kvazaŭ agiĝus ankoraŭ pri nura sistemo, kaj ne jam pri vivanta lingvo!

Ili staras antaŭ granda, per longa laboro konstruita urbo kun bone evoluinta vivo kaj nepre kontentaj loĝantoj kaj postulas, ke la urbo estu malkonstruata, ĉar kelkaj stratoj pli

oportune, kelkaj placoj pli bele povus esti aranĝitaj. Kaj al la loĝantoj ili diras: „Forloĝiĝu!" kaj al tiuj, kiuj deziras enloĝiĝi: „Restu ekstere kaj venu al ni!" Sed se ili estas demandataj: „Kion pli bonan vi donas al ni?" ili ne povas montri urbon, sed nur planojn, kaj ĉiu el ili havas alian planon, laŭ kiu li deziras konstrui sian urbon.

Ekzistas homoj, kiuj ne vidas la urbon pro la domoj.

Estas pli facile, fari dek planojn, ol efektivigi unu. Dum Esperanto per si mem atingis la vivantan uzadon, staras dekduoj da sistemoj, kiuj en la okuloj de siaj elpensintoj estas pli bonaj, nur sur la papero.

* * *

Kiom da aferoj estas laŭdataj kiel preferindajoj! Kiaj gravajoj! Kaj kiel bele kelkaj el ili aŭdiĝas en la teorio kaj kiel mizere ili pruviĝas antaŭ la praktiko! Estas ja tiel facile, erarigi nesciantojn kaj nespertulojn. Apudmetante kelkajn frazojn en la unu kaj la alia sistemo, oni kredas ebligi la juĝon pri tio, kiu sistemo estas la pli bona. Mi povus skribi kelkajn frazojn en neriproĉebla germana lingvo, kiujn la plimulto de la germanoj ne komprenus, kaj same kelkajn frazojn en neriproĉebla rusa lingvo, kies sencon, se ankaŭ ne ĉiun vorton, komprenus preskaŭ ĉiu germano.

Kion oni scias pri la rusa lingvo, se oni legas: *Potschtamt* (germ. Postamt, esp. poŝtoficejo), ***telegrafirowatj, ssimpatitschnüi, akkuratnüi, buchgalter*** (germ. Buchhalter, esp. librotenisto) ***fabrika ssigar, cirkuljar*** (germ. Zirkular, esp. cirkulero), ***buterbrott*** (germ. Butterbrot, esp. buterpano), ***konjak*** ktp.

Jes, la rusa lingvo estas efektive tre facila, kaj pro ĝia tuja kompreneblеco, videbla el la montritaj ekzemploj, oni devus ĝin fari mondlingvo.

* * *

Internacia helplingvo, kiu devas vere plenumi sian taskon, povas esti nur u n u, aŭ ĝi tute ne estos. Proponi plibonigojn, kondukantajn al skismoj, antaŭ ol lingvo estas ĝenerale akceptita, ja, antaŭ ol ankoraŭ entute ĝeneraliĝis la konvinko pri ĝia ebleco kaj neceseco, kaj defendi la tiamaniere ekestantajn sistemojn kiel dialektojn, kiuj sin reciproke ne bezonus kontraŭbatali, tio estas plena nekompreno de la celo de la afero. Laŭ la ĝis nun atingitaj sukcesoj de Esperanto estas ne supozeble, ke iu pretekstita plibonigo kiel memstara sistemo forpuŝos Esperanton. Eĉ efektivaj plibonigoj povus koncerni nur relative malgravajn detalojn. Kaj se la estonta uzado tie ĉi kaj tie postulas ŝanĝon, ekzistas sufiĉe da vojoj ĉe internacie enkondukita lingvo, por fari tiajn ŝanĝojn, ne detruante la tutan, ĝistiaman konstruaĵon. Neniu esperantisto dubas pri tio. Sed la kontraŭuloj, la indiferentuloj, aŭ la amikoj de la ideo, ne posedantaj spertojn pri Esperanto, entute ĉiuj, kiuj ne scias, kio estas Esperanto kaj en kia grado ĝi jam fariĝis netaksebla kulturfaktoro, kion ili diras? „Ni atendas, ĝis kiam unu aŭ la alia sistemo estos ĝenerale akceptita; unue la amikoj finu sian disputon inter si."

Kaj per tio perdiĝas valora tempo, valoraj fortoj estas malŝparataj en senprofita kaj malutila batalo, kaj la progreso povas esti haltigata je generacioj.

Kiu antaŭmetas al la nepre unue atingota ĉefa celo bagatelajn personajn dezirojn, kiuj krom tio estas malsamaj de homo al homo, de popolo al popolo, tiu faras krimon kontraŭ la kulturo. *Trad. F. Ellersiek.*

---

# 9a Universala Kongreso de Esperanto.

## Genova, 7 — 14 Septembro 1913.

**Adreso: Kongreso de Esperanto, Genova (Italujo).**

La Jubilea Kongreso apartenas al la historio de Esperanto, sed sur la horizonto de la Esperanta ĉielo brilas de malproksime la leviĝanta stelo de la Naŭa Kongreso, multon promesanta.

Genova*), „La Superba" (belega), la ĉefa komerca urbo de la bela Italujo komencas sin prepari por gastame akcepti la multenombrajn samideanojn el ĉiuj nacioj, kiuj, tie ĉi kunvenante, forte helpos la movadon de Esperanto en nia lando. Nia laboro estas grava kaj malfacila; por vidi la fruktojn de ĝi, ni devas pacience atendi ĝis la fino de l' kongreso.

Nia kara lingvo tro similas al la itala lingvo, kaj la italoj preskaŭ ne kredas, ke Esperanto estas same facila por la aliaj nacioj. Multege da fremduloj ĉiujare vizitas nian landon, sed ili parolas aliajn lingvojn, pro kio la italoj estas devigataj, lerni multajn lingvojn. Tiamaniere vi facile renkontos kelnerojn, gvidistojn, veturigistojn, vendistojn kaj aliajn, eĉ tre modestajn personojn, kiuj tre facile parolas france, hispane, angle, germane. Precipe la Genovanoj, kiuj multe vojaĝas eksterlanden, tre bone scias fremdajn lingvojn. Do por la plej multaj el niaj estontaj karaj gastoj estas tre facila afero, veni al Genova. Ili ne sin trovos, kiel en Kraków, en la komika situacio, ne povi sin interkomprenigi kun la loĝantoj de la urbo, ĉar tie ĉi la plej simplaj personoj povas ilin alparoli en iu lingvo, al ili iomete konata. Sed Esperanton niaj loĝantoj ne scipovas, kaj tamen ili ĝin komprenas, ne sole pro la simileco al la itala lingvo, sed ankaŭ pro la ioma sciado de aliaj lingvoj.

*) elparolu: Ĝenova.

Tamen, la unua konsilo, kiun mi donas al ĉiuj niaj karaj vizitontoj, estas, ke ili dum sia restado en Genova parolu kun ĉiuj personoj, kiujn ili renkontos, ne alian lingvon ol Esperanton. Mi ilin certigas, ke se ili parolas malrapide en Esperanto, preskaŭ ĉiuj loĝantoj ilin komprenos, kaj tiel en unu semajno la tuta urbo estos esperantigata. Dum la kongresa semajno la intereso de ĉiuj loĝantoj pri nia afero tre forte kreskos, kaj la praktika pruvo estos farata. La kongresanoj revenos en sian landon, rakontante, ke per Esperanto estos jam eble vojaĝi en Italujo, kaj la Genovanoj rakontos al ĉiuj italoj, ke per Esperanto ili sin interkomprenigis kun personoj el ĉiuj nacioj, preskaŭ ne studante la helpan lingvon. Do ni preparu nin por grava eksperimento.

De ĉi tiu momento, karaj samideanoj de la aliaj nacioj, preparu vin vidi Italujon marŝanta en la unua vico en la movado por nia lingvo. Dume ni preparas por vi agrablan programon. Pluvon ni ne promesas al vi, sed belan, brilantan sunon. La varmo ne estos granda. Komence de Septembro la tagoj jam estas pli mallongaj, vespere kaj matene la aero komencas esti pli freŝa. Aliparte ankaŭ dum la plej varmaj someroj la termometro ne superas 30 gradojn laŭ Celsius. Krome ne forgesu, ke Genova estas marurbo, kaj se vi deziras, vi povos vin agrable bani en la bela blua maro. La komitato preparos por vi ekskurson sur la maro, kaj mi certigas, ke dum la monato Septembro la maro estas trankvilega, eĉ la plej delikataj fraŭlinoj povos ĝin toleri. Interesa itala komedio estos prezentata, kaj itala muziko estos ludata. Venezianan vesperon ni preparos sur la maro, kaj ni estas certaj, ke vi ĉiuj kunportos de via restado en la urbo la plej agrablajn neforgeseblajn impresojn. Plue ni zorgos, ke karavanoj estu organizataj por la vizitado al aliaj belajoj de Italujo. Tiuj ĉi estu nur la unuaj informoj. La venontajn monatojn mi pli detale raportos.

Por nun mi petas en la nomo de la komitato, ke ĉiuj rapidu, sendi al ni sian aliĝon kun la kotizo por la kongreso (6 Sm.). Al ĉiuj, kiuj de nun pagos la kongresan kotizon, ni sendos la gazeton „*Itala Esperantisto*", kiu estos la oficiala organo de la 9a Kongreso. Per tiu gazeto ĉiuj kongresanoj estos plene informataj pri la prepara laboro de l' kongreso, pri la laboroj de l'kongreso mem, kaj tiamaniere ĉiu povos veni al Genova bone informita.

La komitato intencas bone aranĝi kaj organizi la fakajn kunsidojn tiamaniere, ke estos eble, preskaŭ organizi verajn specialajn kongresojn, en kiuj oni diskutos kaj decidos gravajn demandojn de internacia graveco pri la plej diversaj profesioj aŭ ideoj de la kongresanoj. Ni petas ankaŭ, ke la kongresanoj baldaŭ decidu kaj nin informu pri la laboroj kaj pri la temoj, kiujn ili intencas diskuti en tiui gravaj fakaj kunsidoj. Ni devas nun komencj praktike apliki Esperanton, kaj en tiu ĉi praktika urbo ni devas doni praktikajn pruvojn de la perfekta uzebleco de Esperanto.

La germanoj, la angloj kaj la amerikanoj bone jam konas la alogajojn de nia ĉarma „Riviera". Ĝi kuŝas tute proksime de Genova, kaj eĉ gravaj lokoj estos facile atingeblaj de Genova per tramveturilo. Sub la blua ĉielo de Italujo ni multenombre kunvenos la venontan Septembron por praktike komenci praktikan agadon por kaj per Esperanto.

*Vulkano.*

*Deklaro de la redakcio.* Por forigi ĉiun dubon, ni insiste atentigas pri tio, ke la famo, ke oni intencas fari la Naŭan Kongreson liberpensula kongreso, estas tute malvera. Kiel niaj ĝisnunaj universalaj kongresoj, tiel ankaŭ la Naŭa estos absolute neŭtrala. Tio estas per si mem komprenebla laŭ la kongresa regularo, paragrafo 3a.

## Kroniko el germanlingvaj landoj

**Ĉiu grupo kaj izolita samideano en Germanujo kaj aliaj germanlingvaj landoj estas petataj, doni al ni por tiu ĉi rubriko koncizajn raportojn pri sia agado kaj pri efektivaj progresoj de Esperanto en sia urbo aŭ regiono. — Oni bonvolu sendi la raportojn ĝis la 20a de ĉiu monato al nia redaktoro, S-ro Friedrich Ellersiek, Berlin S 59, Wissmannstr. 46.**

### Germanujo.

**Saksa-Turinga Esperanto-Ligo.** La 6an de Okt. okazis ligotago en Weimar, gvidita de la ligestro S-ro supera instruisto Schmiedeberg el Delitzsch. Ĝi estis speciala turinga tago, en kiu la Turinganoj estis decidontaj pri la formo de sia estonta ekzistado, iel apartigota de la nordaj grupoj de la ligo. La nombro de la ĉeestantoj estis tre kontentiga; el 14 urboj venis reprezentantoj, el 6 turingaj kaj 3 nordaj grupoj ĉeestis 24 voĉoj. Tamen la Turinganoj ankoraŭ ne havis la kuraĝon kaj deziron, esti apartigitaj de la nordaj grupoj, kaj oni decidis peti la ligon, post aŭskultado de iliaj kaŭzoj denove voĉdoni pri la sama punkto, kiun peton la ligo certe ne forjetos. Poste oni parolis pri propagandaj demandoj en turingaj landoj.— La anoj de la Weimara grupo dankinde kondukis la gastojn tra sia interesa urbo, ĉefajo estis la naturhistoria muzeo. Vespere okazis propaganda parolado de S-ro Schmiedeberg.

**Württemberg'a Esperanto-Ligo.** Dimanĉon, la 6an de Okt. kunvenis en Eßlingen multaj esperantistoj el Württemberg, por festi Esperantotagon kaj fondi Württemberg'an Esperanto-Ligon. Festkunveno antaŭtagmeze je la 11a en la salono de l' magistrata domo estis malfermata de S-ro Prof. Christaller el Stuttgart, poste parolis S-ro urbestro D-ro von Mülberger, kies deklaro, ke li tre ŝatas Esperanton kaj plene konsentas pri la klopodoj, enkonduki ĝin en la lernejon, estis laŭte aplaŭdata. Reprezentantoj de diversaj ligoj kaj grupoj salutis la kunvenon kaj S-ro Prof. D-ro Ledermann-Augsburg faris festparoladon pri la nuna stato de Esperanto kaj ĝia graveco por komerco, industrio kaj lernejo. En posttagmeza laborkunsido la supre

nomita ligo estis fondata. Prezidanto estas S-ro fabrikanto Hengstenberg. La ligo celas, klopodi por praktika enkonduko de Esperanto en la reĝolandon Württemberg. — (Ni gratulas kore kaj deziras plenan sukceson! *Red.)*

*

**Aalen.** La grupo de Gmünd aranĝis en Aalen, en kunveno de komerca unuiĝo, paroladon de D-ro Weiss pri „Esperanto kiel mondlingvo". Kurso estos aranĝata.

**Ansbach.** La tiea grupo nun havas 30 membrojn. Prezidantino estas F-ino Henriette Mark, sekretariino F-ino Aenni Hirsch.

**Augsburg.** Esperanto nun estas instruata en la jenaj lernejoj: Realgimnazio (instruisto: D-ro Ledermann), St. Anna-gimnazio (S-ro Lang), St. Stephan-gimnazio (D-ro Gottanka), sesklasa komerca lernejo (S-ro Schmalzl). Entute estas instruataj 86 lernantoj. — La vivo en la Esperanto-Societo estas tre vigla; komenciĝis du bone vizitataj kursoj.

**Bamberg.** La 28an de Sept. estis aranĝita de la Bamberga Esperanto-unuiĝo en Kafejo Schönlein publika parolado pri Esperanto, farita de S-ro Loy. — La 3an de Okt. komenciĝis nova kurso por komencantoj, gvidata de S-ro Hiller, kaj perfektiga kurso sub gvidado de S-ro Loy. En ambaŭ kursoj partoprenas po 11 personoj. — Ĉe la reĝa supera poŝtdirekcio komenciĝis kurso, gvidata de S-ro poŝtinspektoro Reber, en kiu partoprenas eĉ la supera poŝtdirektoro mem. — En la stacidoma librejo ankaŭ Esperantaj libroj estas vendataj. — La kunvenoj de la unuiĝo okazas ne plu merkrede, sed ĵaŭde. — La gazetoj de Bamberg estas tre favoraj al nia afero.

**Berlin.** Esperanto-Gruparo de post la 5a de Nov. kunvenos en *„Englischer Hof"*, Neue Roßstraße 3 (proksime de Spittelmarkt). La kunsidoj okazas, kiel kutime, la unuan mardon de ĉiu monato, vespere je la $8^1/_2$a. — En la delegita kunveno de la 1a de Oktobro oni elektis kiel unuan sekretarion de la gruparo S-ron dentkuraciston Blum-Wilmersdorf. — En la monata kunveno S-ro prezidanto Schiff rekomendis al ĉiuj membroj, kiuj havas telefonon, enpresigi sian komunikon en la telefonadresaron kiel „Esperanto-Sekretariejon" aŭ „Informejon". Plue la kunveno decidis enpresigi ĉiujn grupkunvenojn en la adresaron de Berlin. — S-ro Van der Corput, ĝisnuna komitatano, eksiĝis el la komitato, ĉar li forlasas Berlinon, reirante en sian hejmlandon. — Laŭ propono de S-ro Maier-Steglitz la gruparo aranĝos kursojn por progresintoj, kies gvidadon prenos sur sin S-ro Maier. — Je la fino S-ro Wissinger raportis pri la festo de *Laborista Esperantista Unuiĝo*, okazinta la 29an de Sept.

— Esperantista Societo „Merkur" eldonis propran flugfolion *„Esperanto für Handel und Industrie"*, en kiu speciale estas montrataj la neceseco kaj utileco de Esperanto por la komercistaro. — La 4an de Okt. la societo aranĝis propagandan kunvenon kun Esperanta ekspozicio, precipe rilatanta al la komerco. Parolis S-roj William kaj Schiff. S-ro Gebhardt deklamis la *„Preĝon sub la verda standardo"* de D-ro Zamenhof, por montri la belsonecon de nia lingvo. Sukceso: kurso kun 30 partoprenantoj komenciĝis la 7an de Okt. laŭ la metodo de Berlitz, gvidata de S-ro William. — En la grupkunveno de la 10a de Okt. faris la kutiman paroladon S-ro Gellert pri „Unuiĝoj". Sekve de la artikolo en G. E. pri la sukcesoj de la firmo E. Neumann & Co. en Dresden, S-ro Kretzschmann el Rummelsburg raportis pri siaj spertoj en la uzado de Esperanto en komercaj aferoj. Antaŭ kelkaj semajnoj li publikigis en la jurnalo *„Esperanto"* anoncon pri malgranda poŝbruligilo, kaj la sukceso estis granda. Dum 2 monatoj li ricevis 180 mendojn, Esperante skribitajn, el la plej diversaj landoj. Li nun eldonis Esperantan informfolion por la uzado de la poŝbruligilo, kaj pri la atingita sukceso li kaj lia ĉefo, S-ro Reiner, estas tre kontentaj. — La 14an de Okt. S-ro Gebhardt faris paroladon pri Esperanto kaj pri la „Oka" en loĝio de Bontemplanoj, kiun aŭskultis ĉirkaŭ 70 personoj, kiuj plejparte vigle interesiĝis pri nia afero.

— Laborista Unuiĝo Grand-Berlin aranĝis krom la kunvenoj, cititaj en la antaŭa numero, ankaŭ propagandan vesperon en Berlin-Moabit, en kiu parolis S-roj Wichert kaj Kohnert.

— En kunveno de la *„Unuiĝo de katolikaj komercistoj ‚Concordia'"*, la 10an de Okt. parolis S-ro Fromm, prezidanto de la „Katolika Esperanta unuiĝo Berlin" pri la temo „la mondlingvo Esperanto".

**Berlin-Wilmersdorf.** Post propaganda vespero komenciĝis nova kurso.

**Biberach.** La 10an de Okt. parolis S-ro D-ro Uhlmann el Bern antaŭ granda vizitantaro pri Esperanto. La parolado vekis grandan intereson, en la liston rondirantan enskribis sin multaj ĉeestantoj kiel novaj membroj de la grupo Biberach.

**Bitterfeld.** La 15an de Sept. okazis propaganda parolado de S-ro supera instruisto Schmiedeberg el Delitzsch pri la nuna utilo de Esperanto. Nova kurso komenciĝis; gvidanto estas S-ro inĝeniero W. Rödiger.

**Braunschweig.** La 11an de Aŭg. okazis kun bona sukceso la fondiĝfesto de la loka laborista grupo. Partoprenis ankaŭ samideanoj el la komercista grupo; ĉiuj tre bone amuziĝis.

**Bromberg.** La ĉefkunveno de la loka grupo elektis kiel prezidanton S-ron Szymanowski (anstataŭ S-ron D-ron Kandt, kiu pro troa laborŝarĝo rifuzis reelekton). Konsilantoj nun estas S-ro D-ro Kandt kaj S-ro pastro Becker, revizoroj: F-ino Liedtke kaj S-ro instruisto Becker. La fondiĝtagon la grupo festis la 28an de Sept. per ekskurso al Jaschwitz. Senpagan kurson kun 12 gelernantoj gvidas S-ro Szymanowski. En katolika rondo S-ro pastro Becker instruas 80 personojn.

**Bremen.** Krom la komerca lernejo de C. Frischen, en kiu Esperanto jam de naŭ monatoj estas enkondukita en la instruplano, nun ankaŭ la komerca lernejo de Ballhorn instruas Esperanton. — La Bremen'aj grupoj decidis, direkti al la magistrata deputacio por la urba biblioteko la peton, disponigi sumon por la aĉeto de Esperanto-literaturo por la urba biblioteko. — La estraro de la Bremen'a komerca Esperanto-grupo nun konsistas el S-ro Th. Wrede jr. (prez.), S-ro H. Junge (sekr.), S-ro H. Lieseberg (kas.), kaj la oficejo troviĝas Woller Chaussee 17. La grupo tre dankus por alsendo de Esperantaĵoj, bone uzotaj por la propagando.

**Beuthen.** Nova kurso komenciĝis kun pli ol 30 partoprenantoj.

**Cleve.** Por Esperanto-kurso, aranĝita de la stenografia unuiĝo „Stolze-Schrey", enskribis sin pli ol 20 partoprenantoj. Instruanto estas S-ro Künzel.

**Danzig.** En kunveno de la Danzig'a „Frauenklub" S-ino Tuschinski faris propagandan paroladon pri Esperanto. Por montri la belsonecon de nia lingvo, F-ino Entz kaj F-ino Gersdorf deklamis. Kurso speciala por anoj de la Frauenklub estos aranĝata.

**Dortmund.** Kurso kun 15 partoprenantoj komenciĝis la 1an de Okt. La 6an de Okt. la grupo ricevis la viziton de 30 gesamideanoj el Bochum, oni kune promenis kaj travivis tre agrablan vesperon. La 24an la Dortmund'a grupo vizitis tiun de Bochum.

**Dresden.** La 15an de Okt. kunvenis reprezentantoj de preskaŭ ĉiuj Dresden'aj grupoj kaj decidis unuanime, fondi lokan ligon de la Dresden'aj Esperanto-grupoj kun la celo, kune labori por la propagando, speciale rilate al la enkonduko de Esperanto en la lernejojn, kaj por publikaj celoj, komune aranĝi paroladojn kaj festojn. La fondiĝo tuj okazis, la estraro de la ligo konsistos el prezidanto, vicprezidanto kaj kasisto, kiuj estos elektataj en venonta kunveno. Ĉiu grupo, tute egale kiom da anoj ĝi havas, povas delegi al la estraro du membrojn kun po 1 voĉo. Kotizo ne ekzistas, la grupoj kune pagos la plej necesajn administrajn kostojn.

— Societo Esperanto havis sian monatan kunvenon la 8an de Okt. en „Herzogin Garten". En la agada parto de la kunveno oni priparolis la propagandajn kaj societajn aranĝojn por la vintro, interalie la prezidanto, S-ro von Frenckell, sciigis, ke la fondiĝfesto okazos **ne** la 6an, sed la **19an** de Januaro, do en la tago, en kiu oni unue intencis aranĝi la feston, kaj kiu — ĉar estas dimanĉo — promesas pli grandan sukceson ol ĉiu alia tago. La preparoj de la festo jam komenciĝis. Post la agada kunsido S-ro Kämpfe de la firmo E. Neumann & Co, en Dresden donis tre interesan raporton pri la tre kontentigaj spertoj, faritaj de sia firmo rilate al la praktika uzado de Esperanto. La parolanto montris kelkajn speciale interesajn korespondaĵojn, kaj en la salono estis aranĝita tre bela ekspozicio de Esperanto-komercaĵoj de la nomita firmo. Poste sekvis amuza parto, prezentita de la grupo 5 (Obstine antaŭen). Tiu ĉi parto konstistis el paroladeto de la grupestro, S-ro Schlegel, el deklamoj, citro- kaj mandolinludo (F-inoj Eichel kaj Kirbach) kaj prezentado de originala teatraĵo *„La anonco pri edziĝo"* de F-ino Fröbisch, en kiu F-inoj Eichel kaj Hentschel kaj S-roj Kubenz kaj Thieme bonege ludis. — La saman vesperon komenciĝis en „Stadtcafé" kurso por komencantoj, en kiu partoprenas 25 personoj; gvidanto estas S-ro Karsch.

— Regiona kunveno de U. E. A. okazos la 16an de Nov., vespere je la 8½, en Stadtcafé (Postplatz).

— En la kurso, aranĝita de „Zentralverband der Handlungsgehilfen, Bezirk Dresden", partoprenas 40 personoj sub gvidado de S-ro Friedrich Ader.

— Dresdner Esperanto-Verein aranĝis la 24an de Okt. paroladvesperon, en kiu post salutvortoj de la prezidanto, S-ro Joh. Engst, S-ro pastoro Lösche-Wurzen parolis pri la temo „Esperanto kaj la lernejo". Sekvis germanaj kaj esperantaj deklamoj de S-ro instruisto Fischer kaj Esperanta parolado (kun lumbildoj) de S-ro reĝa asesoro D-ro Schramm pri „skribiloj en antikvaj epokoj kaj ĉe nekulturitaj popoloj". La multnombra ĉeestantaro dankis al la parolintoj per riĉa aplaŭdo.

— La firmo E. Neumann & Co. en Dresden, kiu — kiel jam estas mencite en la antaŭa numero A — festis la 15an de Oktobro sian 25 jaran ekziston, ricevis je tiu ĉi tago gratulojn de esperantistoj el la tuta mondo. Tio estas pruvo, ke la rilatoj komercaj, ligitaj per Esperanto de tiu ĉi firmo, ne nur estas praktike tre valoraj, sed ankaŭ tre agrablaj por ĉiuj partoj. La firmo festis sian jubileon per solena kunveno de ĉiuj siaj kunlaborantoj en unu el la grandaj salonoj de la fabrikejo, kiu estis belege ornamita. En la daŭro de tiu ĉi kunveno parolis la fondinto de la firmo, S-ro E. F. Neumann, donante bildon pri la evoluo de la entrepreno, S-ro Redlich, kunposedanto, transdonis per koraj vortoj sufiĉe grandan monsumon, uzotan por helpi al la teknika helpantaro en okazoj de malsano, S-ro A. Neumann menciis la multajn oficistojn kaj laboristojn, kiuj jam pli ol 10 jarojn laboras ĉe la firmo, kaj post deklamaĵo la kunlaborantaro dediĉis al la ĉefoj artplenan memoraĵon. Multaj komercaj amikoj esprimis siajn gratulojn en elokventaj vortoj, kaj kantado finis la indan festkunvenon, al kiu sekvis vespera festo kun prezentaĵoj, komuna festmanĝo kaj danco.

— Dank' al Esperanto nun jam du Dresden'aj esperantistinoj havis la eblecon, pasigi unu jaron en Francujo. Post kiam F-ino M. Gehre antaŭ unu jaro revenis el Cherbourg, kie ŝi estis en la familio de S-ro D-ro Le Diguou, F-ino Zschockelt anstataŭis ŝin, kaj nun ree F-ino Gehre iris Cherbourg'on por okupi la agrablan lokon en samideana rondo.

— Esperanto-Asocio de l' Saksa instruistaro, kiu havas membrojn en ĉiuj partoj de Saksujo, havis la 28an de Sept. sian ĉefkunvenon en „Viktoriahaus" en Dresden. Oni decidis post diskuto, aliĝi al la Saksa Instruistaro. La jara kotizo estas 1 Marko. Post parolado de S-ro instruisto Sohrmann-Weinböhla pri lia vojaĝo al Danzig kaj pri la Danzig'a kongreso, oni priparolis la sintenadon rilate al la klopodoj pri enkonduko de Esperanto en la popollernejojn. La oficejo de la unuiĝo troviĝas ĉe la nuna Ia prezidanto, S-ro Sykora, Dresden-N., Bischofsweg 19, II.

**Eisenach.** Nova kurso komenciĝis kun 18 partoprenantoj. Speciala kurso por bankistoj komenciĝos.

**Elberfeld.** En la kunvenejo de la loka grupo okazis la 30an de Sept. propaganda parolado de S-ro Thiele. Sufiĉa nombro de la ĉeestantaj gesinjoroj anoncis sin por kurso, kiu komenciĝis la 7an de Okt. sub gvidado de S-ro Thiele.

— La grupo „Verda Stelo" reelektis en sia ĉefkunveno la, 26an de Sept., kiel prezidanton S-ron Plate; kiel 1a sekretario estis elektata S-ro A. Kugeler (anstataŭ S-ro Hillebrecht, kiu pro malsano ne akceptis reelekton); 2a sekretario fariĝis S-ro K. Henke kaj kasisto S-ro P. Winkelmann. La jara raporto montris kontentigan evoluon de la Esperanta movado en la valo de „Wupper". La kursoj de la grupo aranĝitaj en Cronenberg kaj

Solingen havis bonan sukceson. Oni intencas nun ekpropagandi en la industria regiono de Remscheid.

**Frankfurt a. Main.** La 1an de Okt. en la Frankfurta Laborist'a Esperantogrupo parolis, anstataŭ la malsana D-ro Hanauer el Bruxelles, S-ro Kreutz en „Volkshaus" pri Esperanto. Senpaga kurso komenciĝis.

**Freienwalde a. Oder.** La nove fondita grupo kunvenas ĉiumarde en „Hotel Drei Kronen". Komenciĝis kurso kun 15 partoprenantoj. Gvidanto estas S-ro Geist-Berlin. La lokaj gazetoj ofte raportas pri Esperanto.

**Gleiwitz.** Nova kurso komenciĝis la 27an de Sept.

**Godesberg.** La 7an de Okt. komenciĝis la vintra laboro de la grupo „Godea" en „Kafeoj Bobbe". Samtempe estis malfermataj kurso por komencantoj kaj ripeta kurso. En la supera kurso S-ro referendario Arntz instruas laŭ la detala gramatiko de Velten kaj Unua Legolibro de Kabe. Godea proponis premion de 5 Markoj por la plej bonaj tradukoj de tekstoj el la lokaj gazetoj de Godesberg. Per la Godesberg'aj gazetoj estas disdonitaj 2500 ekzempleroj de „*Velten's Esperanto-spiegel*". La 8an de Okt. S-ro Arntz paroladis priesperante en katolika komercista societo. Ekskursoj de la grupo okazis la 6an de Okt. al „Sep montoj" kaj la 13an de Okt. al reĝa arbaro „Kottenforst".

**Halle a. S.** La nova estraro de la loka grupo konsistas el S-ro instruisto Schade (prez.), S-ro Krietzsch (vicprez.), kaj S-ro Kramer (kas.).

**Hamburg.** La 3an de Okt. S-ro lerneja konsilanto Prof. D-ro Rohrbach el Gotha parolis antaŭ multnombra ĉeestantaro pri „Esperanto kaj ĝia graveco por ĉiuj rondoj".

— En kunveno de la laborista grupo raportis S-ro Zuckarolli pri la Oka Kongreso.

**Hannover.** Fratoj Schwarz, fondintoj de la Varietea Esperantista Ligo, aranĝis en „Mellini-Teatro" Esperantan vesperon, en kiu ĉiuj artistoj aludis en siaj prezentajoj nian lingvon. S-roj Schwarz prezentis sian teatrajon „*La rompiĝinta spegulo*" en Esperanto kaj germana lingvo, ĉeestis ĉirkaŭ 150 gesamideanoj kaj la tuta aranĝo certe estis bona propagando por la nun komencita kurso.

**Hohweide (Bez. Köln).** La 14an de Okt. okazis propaganda vespero en „Ratskeller". La paroladon faris S-ro instruisto Wilbert el Köln-Deutz, kaj S-ro Junker el Köln donis sciigojn pri la praktika uzado de nia lingvo. La gazetoj favore raportis pri la propaganda vespero. En kurso partoprenas 10 sinjoroj. Por interesi la lernantojn, la grupo bezonas esperantajojn kaj dankus al grupoj, kiuj sendus superfluan materialon al ĝi sub la adreso S-ro J. H. Wolter, Hohweide (Bez. Köln), Gladbacher Straße 239.

**Heinrichs (Thüringen).** Kurso por komencantoj estas malfermita.

**Hemsbach a. d. B.** (Baden). Dank' al la intereso de S-ro Dir. Bierau Esperanto estas enkondukata en la instruplanon de la reformedukejo „Erziehungsheim Hemsbach" por la nova instrujaro. Okazas ĉiusemajne 2 lecionoj, kiujn gvidas S-ro D-ro phil. Mulert. En la kurso partoprenas ankaŭ du el la instruistoj de la instituto.

**Hof (Bayern).** Kurso por komencantoj estas anoncita de la tiea grupo.

**Köln a. Rh.** La grupoj de Köln aranĝis la 4an de Okt. en la granda salono de „Fränkischer Hof" propagandan vesperon. S-ro gimnazia instruisto D-ro Hausmann el Krefeld faris tre interesan paroladon, kiu certe efike helpos al la propagando por la novaj kursoj.

**Königshütte, O.-S.** La 4an de Okt. komenciĝis en „Parkhotel" nova kurso kun 28 partoprenantoj, inter ili troviĝas blindulo. La kurson gvidas S-ro Max Fleischer.

**Kiel.** Esperanto-grupo Kiel aranĝis la 6an de Okt. ekskurson vaporŝipan al „Haffkamp".

**Königsberg i. Pr.** La loka grupo havis la 3an de Okt. sian ĉefkunvenon. El la jara raporto de la grupo estas citinde, ke estas aranĝitaj en la pasinta jaro 4 kursoj por komencantoj, inter ili unu popolkurso kun 61 partoprenantoj, kaj speciala kurso por instruistoj kun 14 partoprenantoj. La kunvenoj nun okazas ĉiusemajne. Kiel prezidanto estis elektata S-ro D-ro Nitz, 2a prez. estas S-ro advokato Aron, sekretario S-ro Schwaiger, kasistino F-ino Lux, bibliotekisto S-ro Klöttner, konsilantoj S-roj D-ro Ebert, D-ro Michaelis, G. Kossak kaj Kleist.

**Krefeld.** Esperanto-Societo havis en sia unua kunveno de l'nuna vintro, la 3an de Okt., la ĝojon, aŭdi raporton de S-ro Pillath-Essen pri la Danzig'a Kongreso. En propaganda kunveno la 10an de Okt. S-ro Hausmann parolis pri la temo „Kio estas Esperanto?" Por la nova kurso, gvidata de S-ro Börgermann, sin anoncis sufiĉa nombro da gesinjoroj. — En ekspozicio de instruiloj, aranĝita okaze de la 12a germana „*Fortbildungsschultag*", Societo Esperanto Krefeld montris kelkajn esperantajojn.

**Leipzig.** En la kursoj aranĝitaj por magistrataj oficistoj, nun partoprenas pli ol 200 personoj.

**Lübeck.** La 17an de Okt. Esperanto Societo aranĝis diskutadan vesperon pri la temo: „La esperantaj poŝtkartoj kaj sigelmarkoj". Parolis S-ro D-ro Möbusz. Krom tio estis prezentataj kantoj kaj deklamoj en Esperanto. — Komenciĝis perfektiga kurso, gvidata de F-ino Freese, kurso por komencantoj estas anoncita.

**Merseburg.** S-ro Mansfeld preparas novan kurson. Merseburg'aj esperantistoj kune kun la loka grupo Halle eldonis U. E. A.-gvidfolion. La 27an de Okt. okazis, laŭ invito de S-ro Mansfeld, interparola kaj amuza kunveno en restoracio Bellevue.

**Mühlhausen i. Elsaß.** La 26an de Sept. okazis propaganda parolado kun ekspozicio de Esperantaj literaturo kaj gazetoj.

**München.** Laborista grupo havis la 25an de Aŭg. en Solln apud München someran feston kun ĥorkantoj, teatro, tombolo kaj dancado. La 7an de Sept. okazis propaganda kunveno kun parolado de S-ro Vöpel. Por la novaj kursoj anoncis sin 48 gelernantoj.

**Münster (Westf.).** En la kunveno de germanaj natursciencistoj kaj kuracistoj salutis la gastojn S-ro Braun (ne S-ro Kracht). — La grupo Münster en la tempo de Marto ĝis fino de Aŭg. de la nuna jaro publikigis en la gazetoj de Münster kaj ĉirkaŭajo

67 artikolojn pri Esperanto kaj 11 notojn pri aranĝoj de la unuiĝo. Imitinda ekzemplo!

**Naumburg a. S.** La 5an de Okt. S-ro supera instruisto Schmiedeberg-Delitzsch parolis en „Ratskeller" pri Esperanto. La ĉeestantoj, inter kiuj ankaŭ estis gastoj el Weißenfels, Laucha kaj Weimar, decidis aranĝi kurson por komencantoj en Naumburg. 10 personoj tuj anoncis sian partoprenon. Instruanto estos S-ro Prof. D-ro Schmidt-Naumburg.

**Prenzlau.** Esperanto-instruado komenciĝis la 2an de Nov. en ĉambro de la urba lernejo, afable disponigita de la magistrato. S-ro Radtke gvidas la kurson.

**Oldenburg (Grhzt.).** En la Unuiĝo de Oldenburg'aj instruistinoj S-ro direktoro D-ro Popp faris paroladon pri la temo „Esperanto kaj ĝia kultura valoro". — Ree estas aranĝita Esperanto-ekspozicio tre riĉenhava kaj tre bone vizitata de publiko multnombra.

**Osnabrück.** En Osnabrück en la lasta tempo tre fervore propagandis F-ino Wilma v. Drigalski kaj la Esperanto-unuiĝo Münster por nia afero. Sekve de tiu ĉi propagando la 28an de Sept. fondiĝis Esperantogrupo kun 18 membroj sub la nomo „Esperanto-Filantropa Societo Leo Tolstoj". Prezidanto estas S-ro Veverka A. Zampassky. La kunvenoj okazas ĉiulunde en hotelo „Germania" je la 9a vespere. La juna grupo estus tre dankema por alsendo de esperantaĵoj ĉiuspecaj. — Samtempe kun la fondiĝo de la grupo oni festis la adiaŭon de F-ino v. Drigalski, kiu nun transloĝiĝas al Bielefeld por tie daŭrigi sian laboron por nia afero.

**Regensburg.** La 26an de Sept. okazis en la Katolika Instruista Unuiĝo propaganda parolado de S-ro H. Reuss pri Esperanto. En la bone vizitata kunveno ĉeestis kelkaj superaj instruistoj, kaj al la komencota kurso multaj el la ĉeestantoj sin anoncis. — En la loka grupo de la German-nacia asocio de komercaj helpantoj la 2an de Okt. parolis S-ro M. Karl pri Esperanto. Nova kurso komenciĝis. — Fondiĝis loka grupo de la Katolika Esperanto-Ligo kun 82 membroj.

**Rheine i. Westf.** En propaganda vespero, aranĝita de la Esperantoklubo Rheine la 27an de Sept., parolis la prezidanto S-ro inĝeniero Albrecht. La sukceso estis kontentiga — al la klubo aliĝis kiel lernantoj 18 personoj. La nova kurso komenciĝis la 14an de Okt.

**Rostock i. M.** Komenciĝis nova kurso de la loka grupo (gvidanto S-ro Höppner). Kurson por laboristoj gvidas S-ro Bock.

**Saalfeld.** Okaze de la 18a kunveno de Turingaj instruistoj, la 4an de Okt., estis aranĝita speciala kunsido de esperantistaj instruistoj. S-ro Ulitzsch-Gera parolis pri la opinioj, kiujn la pedagogo Comenius havis pri la mondlingva demando. Poste oni diskutis pri la propagando de Esperanto en la turingaj lernejoj, kaj oni decidis prepari fondon de Esperantista instruista ligo por Turingujo.

**Stettin.** La grupoj „Espero, unua Stettin'a Esperanto-unuiĝo" kaj „Stettin'a Esperanto-unuiĝo" decidis kuniĝi en la nove fondita grupo „Esperanto-Verein Stettin", kiu aliĝos al G. E. A., kaj kies estraro konsistas el S-ro inĝeniero E. Mankenberg (prez.), S-ro komercisto H. Lukas (vicprez.), F-ino Neitzel, sekretariino, S-ro Eick (2a sekr.), S-ro Westfal (kas.) kaj S-ro Smolinski (bibliotekisto). Kunvenoj ĉiulunde en restoracio Schulz.

**Straubing.** Nova kurso por komencantoj komenciĝis la 4an de Okt.

**Stuttgart.** S-ro Oskar Ziegler fondis tie, Bopserstrato 8 III. Esperanto-Oficejon por la vendado de ĉiuspecaj esperantaĵoj (libroj, gazetoj, insignoj ktp.)

**Stuttgart-Cannstatt.** La laborista grupo la 5an de Aŭg. havis sian ĉefkunvenon. El la raporto estas rimarkinde, ke en tri kursoj partoprenis 61 personoj, el kiuj 29 aliĝis al la grupo. Komence de Okt. oni malfermis kursojn en Stuttgart, Cannstatt kaj Feuerbach.

**Warnemünde.** La grupo de Rostock aranĝis novan kurson sub gvidado de S-ro Weber.

**Werdohl (Westf.).** Fondiĝis nova grupo, prezidanto estas S-ro Richard Litschke.

**Weimar.** Post propaganda parolado de S-ro supera instruisto Schmiedeberg el Delitzsch, okaze de la Turinga Ligo-tago, 12 personoj anoncis sin por nova kurso.

**Zittau.** Societo Esperanto havis la 24an de Sept. sian unuan ĉefkunvenon. Post kontentiga raporto pri la pasinta unua societa jaro oni elektis kiel prezidanton S-ron Tauscher, kiel kasistinon F-inon Westfal, sekretario estas S-ro O. König. La kursojn gvidas S-roj H. Schmidt kaj W. Urban.

## Aŭstrio.

**Bozen-Gries.** La geesperantistoj nun kunvenas ĉiujaŭde en la U. E. A.-hotelo „Walther von der Vogelweide". Post plenumo de la necesaj kondiĉoj oni fondos laŭleĝan grupon. La travojaĝantoj kaj kuraciĝantoj estas petataj viziti la kunvenojn.

**Franzensbad.** Fondiĝis Esperantista Grupo sub la protektado de la urbestro S-ro Loimann. Prezidanto estas S-ro fervojsekretario Hechtl. Ĝis nun aliĝis al la grupo 71 personoj, plejparte el la kleraj rondoj. La urbestro konsentis, ke neriĉaj esperantistoj, kiuj uzadas la kuracbanojn de Franzensbad kaj posedas legitimaĵon kiel membro de esperantista grupo, ricevas rabaton ĝis 50% je la prezoj de la diversaj kuraciloj.

**Graz.** Stiria Esperantista Societo aranĝis la 17an de Okt. paroladon de S-ro advokato D-ro Haas pri la Oka Kongreso kaj de la turka samideano S-ro M. Romano pri ties piedvojaĝo tra Eŭropo. Novaj kursoj estas anoncitaj. — Kune kun „*Fremdenverkehrsverein Graz*" la tiea Esperantista Societo eldonis belajn vidajkartojn de tiu ĉi urbo kun Esperanta teksto. (Vidu la rubrikon „Bibliografio".)

**Innsbruck.** Nova kurso komenciĝis meze de Okt.; la instruo okazas en salono de la universitato.

**Salzburg.** Okazis kunveno de super-bavaraj kaj aŭstriaj esperantistoj, en kiu oni decidis fondi „Propagando-Ligon Oberbayern, Salzburg, Tirol". Prezidantoj estas S-roj Strössner-München (por Oberbayern) kaj D-ro Pezlederer-Salzburg (por Salzburg-Tirol). La venonta kunveno okazos je Pasko 1913 en Rosenheim.

**Wien.** La 25an kaj 26an de Sept. en salono de „*Niederösterreichisches Landesseminar*" parolis propagande S-ro Prof. Glück. Kursoj por komencantoj, ripetaj kursoj kaj kurso por Esperanto-instruistoj komenciĝis en la unuaj tagoj de Okt.

— S-ro Wortmann, fervora propagandisto de nia afero, ricevis por siaj meritoj en *„Freiwillige Rettungsgesellschaft"*, kies sekretario li estas, la oran meritkrucon kun la krono. (Ni kore gratulas! *Red.*)

## Svislando.

**Burgdorf - Hasle - Thun.** Okaze de vizito de S-ro Kolonelo Pollen, prezidinto de B. E. A., la grupoj de „Emmen"-valo aranĝis ekskurson al „Falkenfluh".

**Davos.** En la tiea grupo regas vere internacia vivo — apartenas al ĝi angloj, rusoj, germanoj, hungaroj kaj svisoj. Jam multfoje oni povis helpi per Esperanto en lingvaj malfacilaĵoj, ne malofte okazantaj en tiu internacia kuracloko.

**Zürich.** En la kunveno de la Zürich'a grupo oni pritraktis la vintran laboron jam bone komencitan. Novaj kursoj estas anoncitaj kaj baldaŭ komenciĝos.

*J. K.*

## Voĉoj el la legantaro

**Por tiu ĉi rubriko la redakcio prenas sur sin nur la laŭleĝan respondecon, sed ĝi rezervas al si la rajton pri elekto de la publikigotaj alskribaĵoj.**

### Die Objektivität des Verbandes für Schaffung eines Weltsprach-Amts.

Der auf idistische Anregung hin gegründete Verband für Schaffung eines Weltsprach-Amts behauptet bekanntlich, neutral zu sein.

Bald wird er Gelegenheit haben, die Wahrheit dieser Behauptung zu beweisen. Denn es soll demnächst an den Schweizerischen Bundesrat eine Denkschrift über die Welthilfssprache versandt werden, in der unter I b cc behandelt werden sollen:

„Die verschiedenen vorhandenen Welthilfssprachen (Zahl, Art, Gruppen, Anhängerzahl, Selbstschätzung und allgemeine approxim. objektive Schätzung), wissenschaftliches Inventar und kurze Darstellung der bestehenden Welthilfssprachen nach dem von den Erfindern publizierten Material."

Wie dies Kapitel ausfallen wird, kann man sich schon denken. Verkleinerung von Esperanto und Anpreisung von Ido wird der Inhalt sein. Wäre der Verband wirklich neutral, so würde er die Bearbeitung dieses Kapitels den Vertretern der einzelnen Systeme überlassen. Möge jeder vorbringen, was er für sich ins Feld zu führen hat, möge dann der Schweizerische Bundesrat selbst entscheiden.

So wird uns Esperantisten wohl nichts anderes übrig bleiben, als nach Veröffentlichung dieser Denkschrift — die sich ja nicht gut wird geheim halten lassen — eine Gegendenkschrift herauszugeben, in der die Ausführungen des „objektiven" Verbandes einer eingehenden Kritik unterzogen werden. Bis dahin heißt es für uns Esperantisten eine abwartende Stellung einzunehmen. *K. . . .*

**Anm. d. Red.** Wir können der Ansicht des Verfassers nur voll beipflichten. Ist die Frage erst einmal wirklich spruchreif geworden, dann ist für uns Esperantisten immer noch Zeit, dazu Stellung zu nehmen. Bis dahin können wir ruhig der Entwicklung der Dinge zuschauen, denn einfach beiseite drücken kann man uns halt nicht.

### In Sachen Stephan.

Sehr geehrter Herr Redakteur!

Durch Ihr Blatt „Germana Esperantisto", welches mir wegen eines Artikels „In Sachen Stephan-Dr. Stelzner" zugeschickt wurde, erfuhr ich, daß Ihr Verlag auf Ersuchen kostenlos eine Preisliste über Esperanto-Bücher zusendet. Ich bitte daher um eine solche. Im August schickte ich an Herrn Fritz Stephan Geld ein zu Büchern, um Esperanto zu erlernen, und habe auf wiederholtes Anfragen weder die bestellten Bücher noch das Geld zurück erhalten. Wenn ich, trotz des aufgedeckten Treibens, mein Geld (fast 5 M.) zurückerhalten sollte, werde ich die Bücher bei Ihrem Verlage bestellen. Ich habe nicht die Mittel, das Geld einzubüßen und dennoch neue Bücher zu kaufen. Ich bin Sprachlehrerin und möchte diese neue Weltsprache erlernen, um darin recht bald Unterricht geben zu können. Nach einliegendem gelben Zettel, den Stephan mir zuschickte, hatte ich seinerzeit die Bücher bei ihm bestellt. Das hiesige Postamt wird herausfinden, wer das am 14. August eingesandte Geld bei Stephan angenommen hat; ich werde darauf als letztes Mittel einen eingeschriebenen Brief an die Firma schicken.

Achtungsvoll

*M. Sch.*, gepr. Sprachlehrerin.

**Anm. d. Red.** Das ist eine von den verschiedenen Klagen, die uns in letzter Zeit über das Treiben Stephans zugegangen sind. Die Einsenderin wird natürlich trotz der postamtlichen Feststellung und trotz des Einschreibebriefes auch weiterhin vergeblich auf die Bücher oder auf Rückzahlung des Geldes warten, wenn Stephan nicht in einer Anwandlung von — Freigebigkeit einmal eine Ausnahme macht. Oder vielmehr „Frau" Redakteur Stephan, zu deren Händen laut vorgedruckten gelben Zettels die Bestellung gegangen ist. Ja, ja, Herr Stephan findet immer einen Ausweg. — Es wäre empfehlenswert, wenn alle, die auf gleiche Weise um ihr Geld gebracht worden sind, strafrechtlich gegen Stephan vorgehen würden. Am besten geschieht das durch Vermittlung des Deutschen Esperanto-Bundes, e. V., z. H. des Vorsitzenden, Herrn Oberamtsrichter Reinking, Braunschweig, Kl. Campestr. 10, der Material gegen Stephan sammelt.

## Societaro.

### U. E. A.

El la Oficiala Bulteno Nr. 15, jus dissendita al la Delegitoj de U. E. A., la jenaj sciigoj estas de komuna intereso: La financa reformo, de U. E. A. proponita dum la Kraków'a kongreso kaj intertempe voĉdonita, nun estas akceptita per granda plimulto de la voĉoj. Konsekvence la de nun pagebla kotizo por 1913 estas: por **ordinaraj membroj 1 Sm** kaj por **subtenantaj membroj 2 Sm. Esperantiaj Entreprenoj** kun esperantista karaktero (nur es-

perantistaj grupoj) pagas de nun **3 Sm**, por kiu kotizo ili ricevas dum la jaro la organon de U. E. A., la duonmonatan jurnalon *„Esperanto“*. La kotizo por la aliaj Esperantiaj Entreprenoj restas **5 Sm.** La dumvivan membrecon de U. E. A. akiras ĉiu per pago de 50 Sm al la garantia kapitalo.

En la regionoj, kie estas pli ol 20 esperantianoj, nun devas okazi la elektado aŭ reelektado de la Delegito. La membroj estas petataj, tuj post ricevo plenigi la ricevitajn balotilojn, por ke la elekto de Delegitoj jam estu farita ĝis la en tiuj regionoj nun okazantaj regionaj kunvenoj. En la regionaj kunvenoj laŭeble ĉiu membro partoprenu, ĉiu alia esperantisto estas bonvenanta gasto, sed ĉe okazantaj voĉdonadoj li kompreneble ne havas rajton voĉdoni. La ĝis nun ekzistantaj fakaj asocioj de U. E. A. daŭrigas funkcii: Intersanĝa fako, Virina fako kaj Laborista fako, nove fondiĝis Studenta fako, kiu celas faciligi la rilatojn inter la diverslandaj studentoj, studi ĉiujn demandojn, kiuj koncernas la starigon de praktikaj servoj por studentoj kaj propagandi Esperantismon ĉe la studentaro. La kotizo por ĉiuj fakoj estas po 50 sd, ĉiu membro de fako samtempe devas esti membro de U. E. A. *J. K.*

## Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj (Ildepo).

Celas, laŭ § 1a de sia regularo:

1e diskonigi la internacian helplingvon „Esperanto“ inter gepoŝtistoj kaj getelegrafistoj ĉiurangaj, ĉiunaciaj;

2e utiligi Esperanton por la traktado pri internacie interesaj, fakaj aferoj;

3e praktikadi Esperanton en la poŝt- kaj telegraffakaj rilatoj inter la geoficistaro kaj la publiko.

Fondita la 22an de Januaro 1911 de S-ro P. Schmidt-Dresden, la Ligo elektis, okaze de ĉefkunsido en Dresden (17. 8. 1911), kiel prezidanton S-ron Superan Poŝtpraktikanton Arnold Behrendt-Breslau.

Por realigi la unuan celon de „Ildepo“ oni tuj interrilatigis sin kun samfakuloj eksterlandaj. Por ke oni plej efike propagandu la lingvon Esperanto inter iunaciaj oficistoj, oni nepre bezonas nacian asocion specialan. Dank' al la sindonaj klopodoj de S-roj G. Chavet-Paris kaj Balandier-Dijon, fondiĝis la 27an de Februaro 1912 la *„Esperantista Asocio de la oficistaro de la Poŝto, Telegrafo kaj Telefono de Francujo kaj kolonioj“*. La Asocio aliĝis al Ildepo, kies korporativa membro jam estas la *„Germana Esperanto-Unuiĝo de poŝtaj kaj telegrafaj oficistoj“*. Sufiĉe granda nombro de gepoŝtistoj esperantistaj ekzistas en Rusujo, Aŭstrio kaj Hungarujo, sekve oni povas esperi, ke dum 1912 ankoraŭ fondiĝos rilataj asocioj naciaj. Izolitaj poŝtistoj esperantistaj troviĝas en Svisujo, Hollando, Finnlando, Svedujo, Anglujo, Ameriko, Aŭstralio, laŭ tio, kion oni povis konstati ĝis nun. Certe ankaŭ aliloke vivas esperantistaj poŝtistoj; ili estas insiste petataj, interrilatigi sin kun la nuna Ildepa prezidanto, por ricevi informojn (Breslau 16, Maxstr. 22).

Por realigi la duan celon de Ildepo, oni devis pripensi la eldonon de aparta faka jurnalo. Oni daŭrigis la gazeton *„Poŝta Esperantisto“*, kiu antaŭe aperis kiel kromfolio de *„La Esperantisto“*, Leipzig. El la publikigitaj artikoloj estas citindaj: „Pri forigo de la poŝtmarko "de Poŝtinspektoro O. Rieck; „Aerpoŝto“; speziale rimarkinda estas la esperantlingva traduko de la „Universala Poŝtkonvencio“, de Poŝtinspektoro O. Reber.

Por praktikadi Esperanton en la poŝt- kaj telegraffakaj rilatoj inter la geoficistaro kaj la publiko, estis necese, pripensi la starigon de speziale faka esperantlingva vortaro. En la jam citita monata jurnalo *„Poŝta Esperantisto“* estas publikigata tia vortaro, kiun kunmetis A. Behrendt, Membro de l' Esperantista Lingva Komitato; ĝi estas kvarlingva, nome germana, franca, angla kaj Esperanta.

Ne povas ekzisti iu dubo, ke Esperanto multe utilos al la plifaciligo de la rilatoj inter la oficistaro kaj la vojaĝanta internacia publiko kaj de la rilatoj inter la administracioj diverslandaj. (Komparu la artikolon: „Esperanto kaj la internaciaj servoj de poŝto kaj telegrafo“, G. E. 5 A p. 65). La lingva malhelpajo estos forigita en la jam nun internaciaj servoj de Poŝto, Telegrafo kaj Telefono, se oni uzos ĉiulande, ĉiuloke Esperanton, la jam nun sufiĉe disvastiĝintan, ĉiulande, ĉiuloke, ĉiutage uzatan, ĉu buŝe, ĉu letere, internacian helplingvon. Gepoŝtistoj ĉiulandaj, helpu al Esperanto, ĝi certe helpos al vi! Profitu ĝian ekzistadon kaj plifaciligu per tio viajn laborojn! Ĉiu plisimpligo liberigas fortojn, kiujn oni povas uzi alie. Ekzistas ja aliaj kampoj, sur kiuj oni bezonas novajn fortojn, ĝis nun ne liberajn. Helpu per Esperanto al vi mem, kaj vi helpas vian genton, vian nacion kaj la tutan homaron!

## Deutsch-Studentischer Esperanto-Bund.

Die „Esperanto-Zentrale für Studierende“ hat gemäß vielfach geäußerten Wünschen auf ihrer Vertreterversammlung am 26. Juli 1912 in Berlin (umständehalber in letzter Stunde von Danzig nach Berlin verlegt) beschlossen, ihren Namen umzuändern in „Deutsch-Studentischer Esperanto-Bund“. Der Bund sieht seine wesentlichste Aufgabe in der Verbreitung der Esperantosprache in der Studentenschaft und in dem Zusammenschluß sämtlicher esperantokundigen Studierenden. Er strebt die Errichtung von studentischen Esperantogruppen in sämtlichen Hochschulstädten an. Augenblicklich umfaßt der „D.-St.-Esp.-B.“ 7 Vereinigungen in Berlin, Braunschweig, Charlottenburg, Kiel, München, Rostock, Stuttgart und einige Einzelmitglieder.

Da die Adressensammlung großen Schwierigkeiten begegnet, richten wir an dieser Stelle an die Esperantogruppen die Bitte, ihre studentischen Mitglieder uns zuzuführen. Die Gruppen können diesen Dienst dem Bunde wohl leisten, denn in den Ferien sind die Herren ja doch in den Gruppen tätig und überall sind die Studenten meinen Erfahrungen nach in den Gruppen als äußerst willkommene Helfer geschätzt. Wie wäre es da mit dieser Gegenleistung der Gruppen?

Mit Beginn des Wintersemesters übernimmt Herr stud. ing. H. Christaller, Stuttgart, Neue Weinsteige 61, die Geschäftsführung des Bundes aus den Händen des Herrn cand. phil. Vortisch, der von der Gründung der „Esperanto-Zentrale für

Studierende" an dieselbe bis zu ihrer jetzigen Höhe geführt hat. Nun wird sie hoffentlich auch unter dem neuen Namen als Bund immer mehr Studenten für Esperanto interessieren und zu gemeinsamer Arbeit sammeln. *M. Weber, München. stud. med.*

## Diversaĵoj

### Esperanto für die Telegraphie.

Unter der tendenziös gefärbten Überschrift „Esperanto — keine Sprache" ging vor einiger Zeit durch die Presse eine Notiz des Inhalts, daß die Esperanto-Bewegung ein schwerer Schlag getroffen habe: der französische Postminister habe es abgelehnt, Esperanto im Telegrammverkehre als offene Sprache zuzulassen.

Zunächst wäre das durchaus kein schwerer Schlag für Esperanto, sondern — soweit der internationale telegraphische Verkehr in Frage kommt — lediglich die Erinnerung an eine gegenwärtig geltende Bestimmung des internationalen Telegraphenvertrages nebst Ausführungs-Übereinkunft. Hiernach ist Esperanto zwar nicht als offene Sprache, wohl aber als verabredete Sprache anzusehen, und Telegramme in Esperanto sind gegen die bestimmungsmäßigen Gebühren für solche zu befördern. Das erwähnt denn auch die Notiz am Schlusse selbst, so daß in einer Notiz von nur etwa 10 Zeilen die letzte das Gegenteil der ersten enthält: Eine verabredete Sprache ist eben auch eine Sprache. Das ist denn auch allgemein bekannt und bringt dem Esperanto keineswegs nennenswerte Nachteile, wie die Notiz behauptet. Esperantowörter bis zu 10 Buchstaben werden zu gleichen Taxen befördert, wie Wörter der Nationalsprachen, und Wörter über 10 Buchstaben lassen sich im Telegrammstile leicht vermeiden.

Wenn man sich gleichwohl um die Anerkennung des Esperanto als offene Sprache bemüht, so geschieht das, weil nicht einzusehen ist, warum die tagtäglich in immer mehr steigendem Maße als internationales Verkehrsmittel gebrauchte Kunstsprache schlechter gestellt sein soll, als das Lateinische, das, obwohl eine völlig tote Sprache, dennoch im Telegraphenverkehr als offene Sprache gilt. *Abo.*

### Nochmals „Ein Rückschritt!"

Von gegnerischer Seite wird verbreitet, daß unsere Mitteilung, die wir in No. 9 A, S. 141, über den Rücktritt der Franckh'schen Verlagshandlung in Stuttgart von der Ido-Bewegung brachten, nicht den Tatsachen entspreche. Um jeden Zweifel zu beseitigen, sehen wir uns deshalb veranlaßt, den untenstehenden Brief zu veröffentlichen, den uns der Vorsitzende der Gesellschaft Esperanto Dresden freundlichst zur Verfügung gestellt hat. Aus dem Schreiben geht unzweideutig die jetzige Stellungnahme des genannten Verlages der Weltsprachbewegung gegenüber hervor, so daß jede weitere Erläuterung dazu überflüssig ist. Vom kaufmännischen Standpunkt durchaus verständlich, aber im übrigen vollkommen belanglos ist es, wenn die Firma jetzt noch die vorrätigen Idobücher ausverkauft, soweit sie von den Idisten dort noch verlangt werden. *Red.*

(Abschrift.)

**Franckh'sche Verlagshandlung, Stuttgart.**

Di/M. Fr. Am 10. Oktober 1912.

Verehrl. Gesellschaft Esperanto
z. H. des I. Vorsitzenden
Herrn Dipl. Ingenieur K. von Frenckell
Dresden, Hauptstraße 38.

Antwort auf Ihr Schreiben vom 8. Oktober:

Für Ihre ausführlichen Darlegungen wegen „Ido" und „Esperanto" danken wir Ihnen ganz verbindlichst und haben gern zur Kenntnis genommen, daß Sie unsern Esperanto-Werken auch weiter Ihre Aufmerksamkeit widmen wollen. Wie es stets geschehen ist, so werden wir auch in Zukunft in unseren großen Zeitschriften bei passender Gelegenheit auf die Esperantobewegung aufmerksam machen und hoffen, so Ihren Bestrebungen noch manchen guten Dienst leisten zu können.

Was nun die Idosprache und unseren Rückzug von dieser Bewegung angeht, so können wir diesbezüglich hier nochmals bemerken, daß wir nur einzig aus dem Grunde die Agitation für die Idosprache aufgegeben haben, weil wir uns inzwischen überzeugten, daß die großen Zukunftsaussichten, die sich die Idisten seinerzeit versprachen, doch nicht in Erfüllung gingen, und die Idosprache doch also wohl nicht so abgerundet und brauchbar ist, wie wir seinerzeit gedacht haben.

Die Abgabe des „Idano" ist also in allem Frieden erfolgt. — Jedenfalls dürften die Zwecke der Esperantisten durch die Tatsache, daß wir fortan nur ihre Bewegung unterstützen wollen, erreicht sein.

Wenn Sie der Meinung sind, daß es angebracht ist, diese Umstände in der Esperantisten-Presse zu veröffentlichen, so haben wir natürlich nichts dagegen.

Hochachtungsvoll
(gez.) *Franckh'sche Verlagshandlung*
*W. Keller & Co.*

### Reformo de l' Kalendaro.

En 1910 okazis en London kongreso de la Komercaj Ĉambroj, kiu detale pridiskutis la reformon de l'kalendaro kaj decidis antaŭenpuŝi la aferon. Laŭ ĝia deziresprimo la svisa registaro akceptis la taskon, prepari diplomatan konferencon por la fina solvo de la demando. Kelkaj ŝtatoj jam promesis sendi delegitojn al tia konferenco.

Intertempe la svisa registaro ricevis 30 diversajn projektojn pri la intencita reformo. Inter tiuj 30 proponoj estas **14** redaktitaj **en Esperanto**; la aliaj 16 estas verkitaj en 7 diversaj naciaj lingvoj. Ĉar ankoraŭ dum kelkaj monatoj estas akceptataj eventualaj proponoj, ni atentigas ĉiujn esperantistojn, kiuj iel interesiĝas pri la demando, aŭ kiuj konas homojn interesiĝantajn pri ĝi, ke ili sendu aŭ sendigu siajn proponojn nur en Esperanto, maŝine skribita, al la adreso „Conseil fédéral" aŭ „Schweizerischer Bundesrat" (Federala Konsilistaro) en Bern, Svislando.

Estas dezirinde, ke multaj esprimu almenaŭ sian konsenton al la principo pri reformado de la kalendaro.

Estas ankaŭ efika propagando por nia lingvo.

*J. Schmid, L. K.*

## Informoj kaj petoj.

S-ro Otto Amon, sekretario de l'„Klubo Esperantista" en Kolozsvár (Hungarujo), poŝta direkcio, petas alsendon de ĉiuspecaj Esperantaj afiŝoj (ankaŭ cirkuleroj, flugfolioj, gvidiloj ktp.), laŭeble po 3 ekz., por rondiranta ekspozicio. Li akceptas ankaŭ nacilingvajn priesperantajn afiŝojn ktp.

*

Virtemberga Esperanto-Instituto, Centro: Eßlingen a. N., Turmstr. 8 (Germanujo) celas pligrandigon de amikaj rilatoj inter la diversaj popoloj, unue per disvastigo de la konado de virtembergaj aferoj, due per senpagaj informoj aŭ diskonigo de tiaj, plie per konscienca disdono en la virtemberga lando de esperantistaj reklamiloj de eksterlandaj entreprenoj.

La servoj estas uzeblaj de ĉiuj; al informpetoj oni devas almeti respondkuponojn, respondkartojn aŭ germanajn poŝtmarkojn; pri specialaj elspezoj la Instituto informos antaŭe.

*

S-ro Oskar Ziegler, Stuttgart, Bopserstraße 8, III. (Germanujo), petas pri komuniko de la adresoj de firmoj, kiuj 1e) korespondas en Esperanto, 2e) eldonis Esperantajn prospektojn, prezarojn aŭ katalogojn (se eble oni alsendu po 1 ekz.) kaj 3e) alimaniere uzas aŭ subtenas Esperanton. La informoj devas servi por fidinda statistiko pri la disvastiĝo kaj uzado de Esperanto en ĉiufakaj kaj ĉiulandaj entreprenoj.

*

S-ro Leclere, 71, rue Monge, Paris V, anoncas la okazintan fondon de *Unuiĝo Internacia de kukistoj-sukeraĵistoj esperantistaj.* Li petas la samprofesianojn pri alsendo de ilia adreso. La aliĝo al la unuiĝo estas senpaga, sed permesata nur al sammetianoj.

## Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1, Struvestraße 40.**
*(La montritaj prezoj ne entenas la sendkostojn.)*

**Recenzoj pri duoble ricevitaj verkoj aperas ĝenerale nur en Eldono B.**

***La Instituto Milner.** De Jean Jullien. Tradukis la Lyon'a grupo. (Esperanta Biblioteko Internacia No. 24.) — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1. 0.100 Sm. [39

***Die Frage einer internationalen Hilfssprache und das Esperanto.** Von J. Borel. (22. Auflage.) — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1. Portofrei 0.10 M., 10 St. 0.80 M., 50 St. 3.— M., 100 St. 5.— M. [38

Die hohe Auflage, die diese bekannte Broschüre bereits erreicht hat, ist der beste Beweis für die Vorzüglichkeit derselben als Werbemittel für Esperanto. Sie sei den Gruppen und Propagandisten aufs neue warm empfohlen.

***Das Ganze vom Esperanto** und die Mittel, es ohne Lehrer durch das Lesen einer kleinen Erzählung zu erlernen. Von E. Ĉefeĉ. (Neue, unveränderte Auflage.) — Esperanto-Zentrale, Dresden-A. 1. 0.10 M., 10 St. 0.80 und Porto 0.10 M., 100 St. 6.— M. und Porto 0.60 M. [37

Auch dieses kleine Propaganda- und Lehrmittel erfreut sich immer noch unverminderter Beliebtheit. Es ist ohne Frage das einfachste und billigste Lehrbuch, aus dem man Esperanto zur Genüge erlernen kann.

***Nürnberger Esperanto-Trichter.** Leitfaden für Schnell- und Massenkurse. Von Ŝattat. — Esperanto-Zentrale, Dresden-A. 1. 100 St. 1.— M., 1000 St. 8.— M. [36

Dieses eigenartige Lehrmittel, das schon als Manuskript mit besten Erfolgen von der Königsberger Esperantogruppe erprobt worden ist, hat die Form eines 4seitigen Flugblattes. Es enthält in 8 Lektionen die vollständige Grammatik der Esperantosprache, in jeder Lektion ein Verzeichnis häufig vorkommender Wörter sowie kleine Uebungen. Eigenartig ist der Nürnberger Esperanto-Trichter besonders deshalb, weil er dem Lernenden das Behalten der Vokabeln, ohne deren Erlernung es auch beim Esperanto nicht abgeht, durch sogenannte „Eselsbrücken" (Gedächtnisbrücken) erleichtert. Wenn auch diese Eselsbrücken manchmal sehr an den „Eselsohren" herbeigezogen sind, so dürften sie doch ihren Zweck gut erfüllen. Jedenfalls wird dieses Lehr-Flugblatt dort außerordentlich gute Dienste leisten, wo es darauf ankommt, in möglichst kurzer Zeit einer großen Zahl Kursusteilnehmern die Grundkenntnisse in der Esperantosprache beizubringen. Auch zur Verteilung bei Propagandavorträgen ist der Esperanto-Trichter sehr gut geeignet.

*F. W. (E. L. A.)*

*

***Katerino.** Malgranda poemo de T. G. Ŝevĉenko. Tradukis V. N. Devjatnin. (Kolekto de „Lingvo Internacia"). — Presa Esperantista Societo, Paris. 0.125 Sm. [34

***La Hipotezoj pri Lourdes.** Nova kompreno pri la miraklo kaj la naturo. De Joseph Serre. Laŭ la deziro de la aŭtoro el franca lingvo esperantigis Ges-roj Ranfaing-Zabilon d'Her. — E. Menard & K[io], Tours, kaj Presa Esperantista Societo, Paris. 0.375 Sm. [35

***La Patrinoj,** rakonto de Avetis Aĥaronjan. Esperantigis D-ro Andreo Fiŝer. (Esperanta Biblioteko „Danubo".) — Editura Esperanto, București. 0.125 Sm. [33

**S. Tijunajtis: Tarptautinė kalba Esperanto.** (Lingvo Internacia Esperanto). Lernolibro por Litovoj en 30 lecionoj. (Plena gramatiko, ekzercaro kaj litova-Esperanta ŝlosilo). Redaktis kaj antaŭparolon almetis Prof. A. Dombrovski, vicprezidanto de Kovna Esperantista societo. — Eldono de S. Kazimira Societo No. 116. Prezo 1 Rub. (1 Sm). [2

**El „La Vizaĝo de la Tero"** de Eduard Suess; esperantigis Theodor Fuchs. — A. Schönfeld, Wien. Prezo ne montrita.

**Ilustrita Gvidlibro tra Budapeŝto.** Propagandilo de Géza Nyulászy de Csáholy, poŝtrevizoro. — Proprajo de l' aŭtoro, Budapest, teleputca 30. Prezo 0.130 Sm (Por vendistoj kaj kolektantoj 30 % da rabato). 3

## Muzikaĵoj.

**Mi aŭdas vin.** Kanto esperantista. Poezio de Leono Zamenhof. Muziko de Herbert Harris. — American Esperanto Association, Boston, Mass. (U. S. A.). Prezo 0.35 Doll.

**Ĉielo bela.** Esperanta Himno. Poezio kaj muziko verkitaj de Herbert Harris. — American Esperanto Association, Boston, Mass. (U. S. A.). Prezo ne montrita.

**Dainos Kantoj** por miksita ĥoro. Muziko de J. Naujalis. (Kajero II). No. 1. *Nia kampo:* vortoj de A. Jakŝtas. No. 2. *Aŭgurado;* vortoj de Maironis. No. 3. *Lulkanto;* vortoj de A. Jakŝtas. Centrala Kunmeto ĉe l'aŭtoro en Kovno (Rus.). Prezo 0.60 Rub.

## Ĵurnaloj.

**Panonio.** Nova gazeteto nur en Esperanto. Administracio kaj redakcio: Györ, Vásár-tér 9 (Hungarujo). Redaktoro Josefo Takács. — Jarabono 2 Kr. (0.850 Sm). La apero de tiu ĉi folio estas ankoraŭ ne fiksita, ĝi dependos de la nombro da abonontoj. Tio ĉi estas same stranga kiel la opinio de la redakcio, ke ekzistas ankoraŭ ne sufiĉe da Esp. gazetoj! Nu, ni vidos, ĉu ĝi estas prava.

**Homaro.** Monata revuo. Redaktoro Frederiko Passj. — Presejo: Pasaje del Comercio, 8, Madrid. Jara abonprezo por Hispanujo 2.50 Pezetoj, por la cetera Eŭropo 3.75 Frankoj, por Ameriko, Azio ktp. 6.75 oraj Frankoj.

El la deklaracio de la redaktoro: „Nenio estas por mi tiel malaminda, kiel tiu spirita mallarĝeco, kaj tiu anima sekeco, kiuj malhelpas nian kunlaboron, tial ke ni estas disigitaj, pri neĉefaj aferoj por la grandaj kaŭzoj, pri kiuj estas facile interkonsenti. Nur la mondo estos savata aŭ ĝi estos en kondiĉo por savi sin, la tago kiam ĝi elkomprenos la neceson, ke la homoj respektu kaj helpu sin reciproke en la komuna batalo kontraŭ ĉiaj formoj de eraro kaj malvirto."

## Diversaj eldonaĵoj.

**Esperanto in die Schulen.** Wirksame, zweifarbige Propaganda-Postkarte, herausgegeben von der Esperanto-Zentrale Dresden-A. 1. 100 Stück Mk. 0,60 portofrei.

**Esperanta krajono „D-ro L. L. Zamenhof".** Luksa, 11 cm longa poŝkrajono kun provizo da krajoneroj. Tre rekomendinda. — Sola vendado por Germanujo per Oskar Ziegler, Stuttgart, Bopserstraße 8, III. 0.600 Sm.

**Breuer: Virinkapoj.** Serio da 6 koloriĝitaj poŝtkartoj por esperantistoj. — Havebla ĉe Oskar Ziegler, Stuttgart, Bopserstr. 8, III. Tuta serio 0.250 Sm.

**Sigelmarkoj „Esperanto korespondata",** rondaj kun Esperanta stelo en la mezo. — Haveblaj ĉe Oskar Ziegler, Stuttgart, Bopserstr. 8, III. 100 ekz. 0.200 Sm afrankite.

**Ilustritaj poŝtkartoj de Graz** kun esperantlingvaj klarigoj. (3 specoj). — Haveblaj ĉe Peter K. Geier, Graz (Aŭstrio), Raimundgasse 4. 10 ekz. 0.250 Sm. afrankite.

## Redakciaj respondoj

**Multaj legantoj** gratulis nin kaj esprimis al ni sian kontentecon pro tio, ke nia jurnalo de post Januaro 1913 denove estos la sola oficiala organo de G.E.A. Al la gratulintoj ni kore dankas pro ilia afableco, kaj ni esperas kun ili, ke ni ĉiam en plena harmonio kun la asocio povos laŭforte labori por la bono de la Esperanta movado en Germanujo.

**S-ro H. M. Nancy.** Bedaŭrinde ni ne povas plenumi vian deziron pri publikiĝo de via reklamilo. Neatentante la fakton, ke la loko en nia gazeto estas ĉiam tre limigita, ni principe ne povas akcepti tiajn publikigaĵojn por la redakcia parto, ĉar la servon, kiun ni faras al unu, ankaŭ povas postuli aliaj, kaj tio transirus la limojn de nia gazeto. Do, bonvolu pardoni nian rifuzon.

**Herrn H. Behrman, Bern.** Es freut uns, daß Sie sich als Verfasser des in der vorigen Nummer auf S. 152 besprochenen Artikels im *Berner Fremdenblatt* bekennen. Wir sind somit in der Lage, Ihnen persönlich das zu sagen, was wir dem damals unbekannten Verfasser zugedacht hatten. Da Sie sich unsere Besprechung übersetzen lassen haben, so brauchen wir es hier nicht noch einmal zu wiederholen. Auch nach Ihren Erklärungen können wir von dem Gesagten nicht ein Wort zurücknehmen, selbst auf die Gefahr hin, von Ihnen „uneinsichtig" genannt zu werden.

Zu Ihren Ausführungen bemerken wir noch folgendes:

1. Der Redakteur eines Blattes ist und braucht durchaus nicht immer der Verfasser aller ohne Namen veröffentlichten Artikel zu sein. Sollten Sie als Redakteur das nicht wissen? So konnten wir auch nicht vermuten, daß Sie den betreffenden Artikel geschrieben haben.

2. Von Ihrer Bemerkung, daß Ihnen Ido genau so „schnuppe" ist wie Esperanto, haben wir Notiz genommen, müssen uns aber vorbehalten, unsere eigenen Gedanken darüber zu bewahren. Die Abfassung Ihres Artikels, sowie manches andere, das wir von Ihnen wissen, spricht allerdings gegen Ihre Neutralität. Zum mindesten sind Sie stark idistisch beeinflußt, ohne sich um Esperanto gekümmert zu haben.

3. Selbstredend verstehen wir den Unterschied zwischen Initiative und Idee. Aber in Sachen des Weltsprachamts scheinen sich idistische Initiative und idistische Idee zu decken. Vom Gegenteil haben wir uns noch nicht überzeugen können.

4. Wir danken Ihnen für den freundlichen Hinweis auf den Artikel über das Schimpfen auf die Konkurrenz. Wir fühlen uns nicht getroffen dadurch, denn wir lachen nur über eine Konkurrenz, die wir nicht fürchten. Wir möchten Ihnen aber raten, den Idisten, besonders Herrn Couturat in Paris, die Lektüre des betreffenden Artikels zu empfehlen. Was und wie Herr Couturat beständig im „*Progreso*“ über Esperanto schimpft, steht wahrlich nicht im „Knigge“ geschrieben.

**K. W., Frankfurt, J. K., Dresden und andere.** Sie wundern sich darüber, daß die Idisten im Trüben fischen wollen, indem sie an neu beginnende Esperantokurse ihre Werbeschriften schicken? Wir nicht. Diese Handlungsweise ist ja sattsam bekannt. Worüber wir uns wundern, das ist die bei den Idisten sonst ungewohnte Naivität, die die Geschäftsstelle des Ido-Bundes zur Versendung der Schriften an Esperantokurse treibt. Man scheint dort wirklich zu glauben, daß unsere Kursusleiter nichts eiligeres zu tun haben, als die Ido-Schriften unter die Kursusteilnehmer zu verteilen. *O, sancta simplicitas!* Die Idisten werden natürlich sagen, daß sie im entgegengesetzten Falle unsere Flugblätter verteilen würden, um einen Vergleich zwischen beiden Systemen zu ermöglichen. Selbstverständlich! Aber wie hinkend diese Vergleiche sind, das wissen wir ja. (Siehe die „Antworten auf die zehn Vorzüge des Ido gegenüber Esperanto“ in der nächsten Nummer.)

**„Belga Esperantisto“** kaj **H. H., Lauban.** Dankon pro via atentigo pri la artikolo en „*Das Deutschtum im Auslande*“. Ni priparolos ĝin en la venonta numero.

(Pro manko de loko kelkaj respondoj devis esti prokrastataj.)

# Mitteilungen des Deutschen Esperanto-Bundes (E. V.)

Geschäftsstelle: Dresden-N., Hauptstr. 38.

## *Zirkular Nr. 4.*

### A. Parkurbo Esperanto.

Sendube niaj anoj sentas grandan intereson por la nova parkurbo en München-Gräfelfing, pri kies fondo ili antaŭ nelonge estis sciigataj per cirkulero de la Propagando-Ligo en München. La prospekto promesis ja tiom, ke oni preskaŭ kredis aŭdi fabelon. Tial ni esploris la aferon, kaj jen la rezultato:

La entreprenantoj de la fondajo estas tre riĉaj viroj kaj eminentaj negocistoj. Ili jam parte aĉetis la fundon, antaŭ kiam venis al ili la penso, fondi Esperantan urbon, kaj ili konstruos sian urbon ankaŭ tiam, se la ideo de Esperanta urbo montris sin neebla. La teknika parto de la entrepreno kuŝas en la energiaj kaj tre spertaj manoj de l'arĥitekto Sievers, kies belegajn planojn oni jam konas. Por la Esperanto-ideo zorgas komitato, konsistanta el fervoraj samideanoj, kiu posedas la rajton, en ĉiuj aferoj, kiuj koncernas Esperanton, decidi memstare. Inter ili estas kelkaj juristoj, kies tasko estas la zorgo pri la jura flanko de la afero. Ĉiuj anoj de la konsilantaro promesis lerni Esperanton kaj parte jam plenumis tiun ĉi promeson. Lertan istruiston ili trovis en la arĥitekto Geyer. Oni jam sukcesis, interesi pri la afero gravajn rondojn en München, kaj la arangitaj kursoj ŝajne estas kontentige vizitataj. Por la eksterurba propagando estas pretaj ne nur sufiĉaj, sed eĉ riĉaj monrimedoj. La entrepreno do havas ĉiuflanke seriozan kaj solidan bazon. Ĉu la celo de la entreprenintoj estos atingata, dependas nur de la mezuro, en kiu la propagando por la nova fondajo trovas eĥon en la tutmonda esperantistaro. Se sin trovas sufiĉe granda nombro da interesuloj por dometo aŭ vilao en la parkurbo, oni jam nun povas promesi, ke la ideo de urbo Esperanto estas baldaŭ realigebla. Ni povas garantii, ke nia fonto estas absolute neinteresita kaj kompetenta persono, kies juĝo estas nepre fidinda. Por akceli la sukceson, ni rajtas rekomendi al nia anaro, montri varman intereson por la nova kreajo kaj partopreni la propagandon por ideo, kies efektivigo ankoraŭ antaŭ malmultaj jaroj ŝajnis nur bela songo. Ĉar oni atendas nur nian moralan helpon, ne ankaŭ financan aŭ alie praktikan, nia partopreno en la propagando nepre ne estas riska. Ankaŭ dangeriga fiasko neniel estas timota pro la seriozeco de la entrepreno.

Pluajn sciigojn pri detaloj, planojn de la urbo, prospektojn, bildojn de la domoj, kondiĉojn ktp. volonte sendos al interesuloj la „Propagando-Ligo Parkurbo Esperanto“ en München, Pfandhausstr. 8, al kiu oni bonvolu sin turni senpere.

*

### B. Liste des Vorstandes und Beirats des Deutschen Esperanto-Bundes.

Aufgestellt gemäß den Beschlüssen der Hauptversammlung in Danzig-Zoppot 1912.

**Ehrenvorsitzender.**

Zamenhof, L. L., Dr. med., Warschau, Dzika ul. 9.

**Ehrenmitglieder.**

Borel, Jean, Schriftsteller, Berlin, Lindenstr. 18/19.
Mybs, E., Sanitätsrat, Dr. med., Altona a. E., Marktstr. 68.
Schmidt, Adolf, Geh. Reg.-Rat, Dr. phil., Direktor der Sternwarte, Potsdam, Telegrafenberg.

**Vorstand.**

| | |
|---|---|
| Vorsitzender: | Reinking, Adolf, Oberamtsrichter, Braunschweig, kl. Campestr. 10. (1909, 1912—1915.) |
| Stellv. „ | Christaller, Paul, Professor, Stuttgart. Neue Weinsteige 61. (1910, 1912—1915.) |
| Geschäftsführer: | von Frenckell, Karl, Dipl. Ing., Dresden-N., Hauptstr. 38. Tel. 3835. (Priv. Comeniusstr. 79. Tel. 9623.) (1909, 1912—1915.) |
| Schatzmeister: | Arnhold, Heinrich, Dr. jur., Bankier, Dresden-A., Waisenhausstr. 20. Tel. 59. (Priv. Gellertstr. 1. Tel. 3418.) (1909, 1911—1914.) |

**Beirat.**

**Vorstand:**

Vorsitzender: Kandt, M., Dr. phil., Handelskammersyndikus, Bromberg, Neuer Markt 8. Tel. 242. (1909, 1912—1915.)
Stellv. Vors.: Unbesetzt.
Schriftführer: Schmiedeberg, H., Oberlehrer, Delitzsch, Schloßgasse 25. (1912—1914.)

**Ressorts:**

I. **Allgemeine Auskünfte:** Rockmann, Fritz, Lehrer, Magdeburg, Klewitzstr. 12. (1909—1913.)

II. **Auskünfte:** Börgermann, S., Krefeld, Obernstr. 72. Tel. 3529. (1911—1913.)

III. **Verkehr mit dem Ausland:** Mybs, E., Sanitätsrat, Dr. med., Altona a. E., Marktstr. 68. (1909, 1912—1913.)

IV. **Druckschriften:** Borel, Jules, Verleger u. Buchdruckereibesitzer, Berlin SW. 68, Lindenstr. 18/19. Tel. Amt Moritzplatz 3201, 3582. (1910—1915.)

V. **Allgemeine und Spezialpropaganda:** Kandt, M., Dr. phil., Handelskammersyndikus, Bromberg, Neuer Markt 8. Tel. 242. (1909, 1912—1915.)

VI. **Literatur, Theateraufführungen, Frauenfragen:** Hankel, Marie, Frau Professor, Dresden-A., Nicolaistr. 18. Tel. 12101. (1909—1913.)

VII. **Ausstellungen:** Tarnow, Paul, Kgl. Regierungsbauführer, Wittenberge (Potsdam), Perlebergerstr. 9. (1909—1914.)

VIII. **Lieder und Musikalien:** Jahns, Käthe, Frl., Braunschweig, Bodestr. 12. (1909—1915.)

IX. **Examenangelegenheiten:** Unbesetzt. (—1914.)

X. **Juristische Angelegenheiten:** Orthal, Heinrich, Dr. jur., Rechtsanwalt, Nürnberg, Königstr. 15. Tel. 8585. (1909—1915.)

XI. **Propaganda in höheren Schulen:** Ledermann, Richard, Professor Dr. phil., Augsburg, Pfannenstiel 11. (1911—1913.)

XII. **Verkehr mit Schulen:** Rohrbach, Carl, Schulrat, Prof. Dr., Gotha, Galbergsweg 6. Tel. 501. (1909—1914.)

XIII. **Bekämpfung gegnerischer Bestrebungen:** Schiff, Ludwig, Patentanwalt, Berlin SW 11, Bernburgerstr. 18. Tel. Amt Lützow 2453. (Priv. Gr.-Lichterfelde W., Elisabethstr. 31, Tel. G.-L. 3505). (1909—1915.)
Mitarbeiter: Dr. Haller, Leisnig, Bahnhofstr. 12.

XIV. **Presse:** Winkelmann, Sergius, Portraitmaler, Dresden-A. 1, Struvestr. 40. Tel. 11641 (Priv. Gewandhausstr. 3). (1910—1915.)
Mitarbeiter: Joh. Karsch, Dresden-A., Holbeinstr. 6.

XV. **Unterrichtsangelegenheiten, Logenpropaganda:** Stark, Emil, Lehrer und Stadtverordneter, Magdeburg, Kaiser-Friedrich-Str. 1. (1910—1914.)

XVI. **Propaganda in naturwissenschaftlichen Kreisen:** Popp, Max, Dr. phil., Direktor der landwirtschaftlichen Versuchsstation, Oldenburg (Grhzt.). Tel. 1130. (1911—1915.)

XVII. **Einzelmitglieder:** Schmiedeberg, Hans, Oberlehrer, Delitzsch, Schloßgasse 25. (1912—1914.)

XVIII. **Propaganda in Beamtenkreisen:** Behrendt, Arnold, Oberpostpraktikant, Breslau 16, Maxstr. 22. (1911—1914.)

XIX. **Propaganda in Ärztekreisen:** Unbesetzt. (—1914.)

XX. **Propaganda in kaufmännischen Kreisen:** Epstein, Felix, Bankbeamter, Hamburg 13, Grindelallee 5. (1910—1913.)

**Allgemeine Mitarbeit:**

Kliemke, Ernst, Dr. jur., Berlin-Wilmersdorf, Nikolsburger Platz 3. Tel. Amt Wilm. 8450. (1910—1915.)

Seemann, Charles, Dr. med., Reg.- und Geh. Medizinalrat, Danzig. Tel. 612. (1910—1913.)

Gottgetreu, Paul, Bankier, Hannover, Rundestr. 13. Tel. 1031. (1910—1914.)

Dietterle, Dr. phil., Leipzig, Eisenacher Str. 14. (1909—1913.)

*

## C. Alvoko.

Ju pli oni rigardas nian germanan Esperantomovadon, des pli sin trudas du impresoj: unue, ke nia esperantistaro dankinde laboras multe por la propagando de nia kara afero, kaj due, ke nia germana gazetaro en multe pli alta grado sekvas niajn progresojn, ol la plimulto el nia anaro eĉ nur sentas. Tio meritas nian plenan atenton, kaj por doni al niaj asocianoj kiel eble plej fidelan bildon de la admirinda laboro, jam nun farata kaj espereble en estonteco pli kaj pli kreskonta, ni decidis, daŭre kolekti la koncernan materialon kaj prilabori ĝin statistike. Tiun ĉi gravan taskon bonvolis preni sur sin nia fervora samideano S-ro Willi Kraft el Braunschweig, Steinweg 10, sed nia laboro estos fruktodona nur tiam, kiam ni penos apogi nin al la konstanta kaj fidela kunlaboro de niaj membroj. Ĉar sen ilia helpo estas nepre maleble, ekscii ĉion, kio okazas en Esperantujo. Ni do insiste petas niajn amikojn, kompletigi nian materialon per daŭra alsendado de ekzemplero de ĉiu gazeto, en kies redakcia parto io pri Esperanto estas presita, aŭ almenaŭ de eltranĉaĵo el ĝi kun aldono de la preciza titolo kaj aperdato. Same oni bonvolu sciigi nin sub la donita adreso pri ĉiu parolado pri Esperanto kaj pri ĉiu alia paŝo por propagando, indiferente, ĉu ĝi sukcesis aŭ ne.

La ricevitajn datojn ni enskribiĝos en landkartojn kaj ne dubas, ke la tiel registrata materialo ne nur estos valora historia monumento, sed ankaŭ tre instrua ilo por nia laborado. Ĉar la unua rigardo sur ĝin montros klare ne nur la geografian disvastiĝon de nia movado en nia patrolando, sed, se ni aranĝas la materialon laŭ la unuopaj jarkvaronoj aŭ poste eĉ monatoj, ankaŭ la tempan iradon de nia propagando, kaj el la komparo de la pretaj kartoj sekvos senpere la plej utilaj konkludoj. Ni esperas, ke, trovinte la sufiĉan intereson, ni povos publikigi tiun ĉi statistikon por pli vastaj rondaj. Nia penado estos plua paŝo en nia laboro, iom post iom starigi nian administradon sur la firma bazo de fidindaj faktoj.

*

## D. G. E. A. — U. E. A.

U. E. A. sendis al ni la jenan cirkuleron:

Al la naciaj Esp. Societoj.

Tre estimataj samideanoj.

Dum la 3a kongreso de U. E. A. en Kraków kunvenis, laŭ nia invito, la reprezentantoj de la diversaj naciaj Esperantistaj societoj por priparoli projekton de interkonsento kun U. E. A. Post komuna diskutado la prezentita projekto kun kelkaj korektoj estis unuanime akceptata de la ĉeestantaj reprezentantoj de la naciaj societoj, nome: brita, franca, germana, itala, german-aŭstria, nederlanda, usona, dana kaj svisa.

Vi trovos aldonite la tekston de la dirita interkonsento tia, kia ĝi estas akceptita de la reprezentantoj de la naciaj societoj.

Ni do per tio havas la honoron peti, ke vi bonvolu:

1. Subskribiĝi la aldonitan interkonsenton per la respondaj estroj de via societo (prezidanto kaj sekretario) kaj en ĝia nomo resendi al ni unu subskribitan ekzempleron kaj konservi la alian.
2. Konigi al ni la nomon de la oficiala reprezentanto de via societo. Kun tiu reprezentanto ni, post la subskribo de la interkonsento, de nun rilatos pri ĉio, kio koncernas la rilatojn inter la naciaj societoj kaj U. E. A., konforme al la interkonsento.

Ni esperas, ke la naciaj societoj, kiuj ne elektis reprezentanton ĉe nia kongreso aŭ kies reprezentanto ne ĉeestis la kunvenon, bonvolos ankaŭ subskribi tiun interkonsenton kaj elekti reprezentanton, tiamaniere, ke en ĉiu lando ekzistu de nun oficialaj kaj konstantaj rilatoj inter U. E. A. kaj la enlanda societo por reciproka kunlaborado kaj helpo.

**Teksto de la interkonsento inter la naciaj Esperantistaj societoj kaj U. E. A.**

1. Povas partopreni en la jena interkonsento la naciaj esperantistaj societoj, kiuj ne estas filioj de iu alia esperantista societo jam aliĝinta, kondiĉe ke ilia celo kontraŭstaru nek la celon de U. E. A. nek la naciajn leĝojn.
2. La aliĝintaj societoj konservas sian plenan memregecon. U. E. A. neniel enmiksiĝas en ilian internan vivadon, nek estas responda pri iliaj specialaj agoj kaj celoj, ĉu politika ĉu religia ĉu nacia.
3. Ĉiu aliĝinta societo elektas unu reprezentanton ĉe U. E. A. Ĉiu reprezentanto havas unu voĉon, kiu ajn estas la graveco de la societo, kiun li reprezentas.
4. La aliĝo de societo estas definitiva nur post aprobo de la Komitato de U. E. A. kaj de la tri kvaronoj de la reprezentantoj de la jam aliĝintaj societoj.
5. Per tiu ĉi reprezentantaro la Komitato de U. E. A. kaj ĝia Direktoro (tiu ĉi sub la respondeco de la Komitato) havas la rajton fari proponojn al la aliĝintaj societoj kaj reciproke ĉiu reprezentanto havas iniciatrajton en U.E.A.
6. La decidoj de la reprezentantoj post konsiliĝo, se ili deziras, kun ilia societo, estas devigaj nur por la societoj, kiuj ilin aprobas. Tamen, aliĝintaj societoj, kiuj ŝanĝas sian statuton kaj ne plu konformiĝas al la kondiĉoj esprimitaj en la interkonsento, aŭ en daŭra maniero agas kontraŭ la decidoj de la plimulto, povas esti eksigataj. La eksigo devas esti voĉdonita de la reprezentantoj.
7. Ŝanĝoj en tiu ĉi interkonsento povas esti decidataj nur per aprobo de la Komitato de U. E. A. kaj de la reprezentantoj.

Laŭ komisio de la Komitato de U. E. A.
la direktoro de U. E. A.:
*H. Hodler.*

Ni atentigas niajn gelegantojn pri punkto M de la cirkulero 3a. Pluaj sciigoj sekvos en venontaj cirkuleroj.

## E. Bundesorgan 1913.

Nach langen direkten und indirekten Verhandlungen mit sämtlichen in Frage kommenden Esperanto-Verlegern (siehe Zirk. 3. O.) hat der Vorstand des Deutschen Esperanto-Bundes beschlossen, vom 1. Januer 1913 ab zu dem alten Bundesorgan „*Germana Esperantisto*“ (Verlag Ader & Borel, Dresden) zunächst auf die Dauer von 1913—1915 zurückzukehren. Näheres hierüber siehe weiter unten (Punkt H).

Gemäß dem in Zoppot gefaßten Beschluß wurde der diesbezügliche Vertrag den Mitgliedern des jetzigen und früheren Vorstandes gemeinsam zur Entscheidung vorgelegt. Die Genehmigung erfolgte einstimmig.

## F. Geschäftsstellen der Gruppen.

Aus Propaganda-Rücksichten und zur Erleichterung unserer Korrespondenz ersuchen wir dringend diejenigen Personen, die in der Gruppenliste unter „Oficejo“ genannt sind, an ihrer Haustüre oder sonst an geeigneter Stelle ein Schild anzubringen mit der Aufschrift: „Geschäftsstelle der Ortsgruppe ..... des Deutschen Esperanto-Bundes, E.V.“

Von dem Propagandawert abgesehen, bringt die Anbringung solcher Schilder für uns die Erleichterung und Zeitersparnis mit sich, daß wir bei Zuschriften an die Gruppen nicht mehr die langen Adressen einzelner Personen, sondern unter Benutzung von vorgedruckten Kuverts nur mehr Ort, Straße und Hausnummer zu schreiben brauchen.

Da wir von jetzt ab in dieser Weise verfahren werden, möchten die Gruppen für schnellste Anbringung der Schilder sorgen!

## G. Prüfungsordnung.

Die neue Prüfungsordnung des Deutschen Esperanto-Bundes ist in Nr. 9/10 (Oktober) des „*La Esperantisto*“ abgedruckt. Sonderabzüge sind in der Geschäftsstelle des Bundes zu haben.

## H. Grava sciigo.

La intertraktadoj kun la firmo Ader & Borel pri la oficiala organo por la venontaj jaroj, pri kies bonaj progresoj ni jam raportis en nia cirkulero 3, cif. O, fine venis al feliĉa rezultato, kaj ni havas la ĝojon, sciigi al nia anaro, ke la kontrakto estas aprobita de la elekita por tio komisiono kaj la 24. 10. 12. definitive subskribita. El la enhavo interesos jenaj punktoj: De la 1. 1. 13. estos la oficiala organo de G. E. A. *Germana Esperantisto eldono A*, kiu kunfondiĝos kun *La Esperantisto.* Ĝia amplekso kaj apermaniero restos la nunaj; same la prezo restos 2.— M. pojare por grupaj anoj de G. E. A. Por neasocianoj la prezo estos 2.40 M., kaj rabatoj ne estos donataj. La disdono de la ricevitaj ekzempleroj estos afero de la unuopaj grupoj. Ĉiu grupo ricevos por sia asocia bazkotizo unu ekzempleron senpage por sia biblioteko. La kontrakto validas unue tri jarojn, sed plua daŭrigo estas jam antaŭvidita.

Ni povas esti fieraj, ke ni sukcesis, ke nia antaŭa oficiala gazeto, pri kiu envias nin la tuta esperantista mondo, denove estas gajnita por nia asocio. Ni firme konfidas, ke niaj anoj, precipe la grupoj, kiuj forlasis nian asocion pro la gazetafero, estu kontentigataj per la nova kontrakto, kiu plenumas la rajtigitajn postulojn de ambaŭ partioj, kaj ke ili sentos la honoran devon, apogi nin per multnombra abono kaj vigla intereso por la prospero de nia malnova asocia organo.

## I. Zamenhoffonds.

| | |
|---|---|
| Esp. Gruppe Hamburg, Fahnen-Leihgeb. Mk. | 2.50 |
| Esp. Gruppe Plauen i. V. „ „ „ | 2.55 |
| H. Hurler, Dresden . . . . . . . . „ | 2.— |
| Bestand lt. G. E. 10 A, S. 160 . . . „ | 3504.66 |
| | Mk. 3511.71 |

Als **Werber** ist neu hinzugekommen: Fräulein Asp. Heiland, Worms.

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: Friedrich Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden.
Presejo de F. Emil Boden, G. m. b. H., Dresden.